Nova Serio 1a jaro. No. 5. MAJO 1921.

★

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## Glora reĝino.

Tradukis el Germana lingvo J. Sch.

Glora reĝino, ĉiel-fianĉin'
Propetantin', sen makul' virgulin',
Turnu kun sankta kvieto do vi
Plenkompatemajn okulojn al ni!

Ho, de l' Sinjoro patrin' kun bonkor',
Stel' sur ĉiel' lumiganta kun glor',
Turnu, plej saĝe gvidante, do vi
Plenkompatemajn okulojn al ni!

Brila lilio, sendorna ho roz',
Fonto de glor', de benitoj ripoz',
Turnu kun milda konsolo do vi
Plenkompatemajn okulojn al ni!

Pord' al ĉiel', de ĉasteco vi ŝild',
Ŝirm' por Kristan', timigante kun mild',
Turnu, potence ŝirmante, do vi
Plenkompatemajn okulojn al ni!

En mortmizer', ho patrino de grac',
Nin ne timigos infera minac',
Se kompatemajn okulojn ja vi
Turnos, ripozon donante, al ni.

# Novaj homoj en nova mondo.

Pensoj pri la nuntempa porpaca movado katolika.

## I.

### Nobla tradicio.

La bela sonĝo de eterna paco tutmonda lumetas kiel brila stelo tra la malhela nokto de la homara historio. La ĉarmaj mitoj de la prapopoloj, la beletaj fabeloj de la modernaj kultur-nacioj revas pri senfina regno de paco kaj amo, en kiu nek sanga milito ekzistas nek mortiga malamo nek disiga disputo. Same la plej intima sopirado de ĉiu „homa“ koro deziras pacan kunvivadon kun la homa frataro, kaj la plej noblaj spiritoj dum ĉiuj centjaroj postulis senlace daŭran interpaciĝon de la popoloj.

Sed nuntempe paroli pri eterna paco! Kia babilado infaneca! Kia malsaĝula ideo! Nuntempe, post multjara milito kruelega, dum kiu milionoj de Kristanaj fratoj estis mortigataj, ondoj de frata sango ruĝigis detruitajn kampojn; nuntempe, kiam en la malproksimaj orientlandoj bruegas armeoj interbatalantaj . .

Tamen, ĝuste nuntempe ni devas paroli, kaj ne nur paroli, sed precipe agadi. Se iu lerta kuracisto en iu familio konstatis, ke la patro estos minacata de malica malsano per morto, ĉu ne estas sankta lia devo, uzi ĉiujn eblajn rimedojn, por eviti tiun katastrofon? Ankaŭ ni vidas nuntempe tute klare, ke post kelke da dekjaroj venos la plej granda katastrofo, sekvos milito tutmonda, pli kruela, pli universala, pli sangriĉa, se la nacioj, — ĉiuj, sen escepto — ne ĉesigos la nunan malsaĝan metodon de perforta politiko kontraŭ ĉia leĝo .

En la Esperantistaj rondoj la porpaca movado katolika tute ne estas novaĵo. Ni memoru pri la admirinda deziresprimo de la dua katolika kongreso dum Aŭgusto 1911a en Hago, tri jarojn antaŭ la malfeliĉega tutmonda milito:

Ĉar estas ĵus montrite, ke la katolika Eklezio, laŭ la instruo de ĝia Dia fondinto, ĉie kaj ĉiam starigis kiel devon la pacamon, kaj ke ĝi ĉie kaj ĉiam kontraŭstaris malamon, malhumilecon kaj egoismon (ofte kaŭzoj de militoj);

Ĉar tiu pacamo tute ne estas kontraŭ vera patriotismo, male, unu el plej admirindaj ĝiaj ecoj . .

Ĉar, spite tiu konstanta tradicio de nia Dia religio, niaj malamikoj senhonte subtenas la absurdan aserton, ke la katolika Eklezio favoras militadon, eĉ konsideras ĝin necesa instruanto de ĉiuj virtoj;

Pro tio:

Ĉi tiu kongreso, konsistanta el katolikaj Esperantistoj kaj tial duoble deziranta pacon kaj tutmondan fratecon.

Esprimas la deziron, ke ĉiuj katolikoj montru praktikan pacamon, helpante laŭeble la pac-asociojn kaj precipe la admirindan

internacian tribunalon en Hago, kies celo estas ĉiam, anstataŭi militadon per arbitracio, aŭ — per aliaj vortoj — anstataŭi la regadon de perforto per regado de racia diskutado kaj de justeco

Do, ni havas noblan tradicion!

## Pri la milito.

Kio estas la esenco de milito? Subtile pensantaj filozofoj kaj ruzaj kleruloj eltrovis diversajn tre detalajn klarigojn pri tio kaj diskutadas jam dum multe da centjaroj pri tiu temo. Sed ni ne penadu, serĉi subtilajn sciencajn esprimojn, ni simple pripensu la faktojn! Reale, la moderna militado, kaŭzita la plej ofte nur de materialistaj interesoj de registaroj avidaj pri plua teritorio aŭ de nesatigeblaj financistaj grupoj, preskaŭ ĉiam estas entrepreno kondamninda. Ĝi estas mortigo de multego da fratoj Kristanaj, por akiri materialistajn utilaĵojn! Preskaŭ ĉie kaj ĉiam ĝi naskiĝas el la plej malvirtaj pasioj kaj senmoralaj instinktoj de la homa koro: el individualismo tronaciema, kiu ne volas rekoni samrajtecon de najbaraj nacioj, el ne-Kristana avideco, kiu penadas, regadi sur la tuta tero kiel nesatigebla riĉulo, sidanta sur lia sako plena de mono.

Tio do estas la unua kaj la ĉefa kaŭzo de la moderna militado: la malbonaj pasioj de individualistaj homoj modernaj.

La dua estas la senleĝa kaj senrajta stato en la nuna kunvivo kaj interrilato de la Kristanaj popoloj.

Se du privataj personoj, ekz. du industriistoj, havas grandan disputon pri iu objekto, kion ili faras en kultura ŝtato? Ĉu ili ekprenas pistolojn kaj batalas unu kontraŭ la alia kaj detruas reciproke iliajn fabrikojn kaj domojn? Tute ne! Ili iras al neŭtrala juĝisto kaj akceptas lian decidon. Sed, kiam du ŝtatoj havas iun diferencon iom gravan, tiam ne ekzistas interŝtata tribunalo vere efika, ne ekzistas neŭtrala juĝisto, ne ekzistas sufiĉe deviga leĝo superŝtata. Nur la pli granda armeo aŭ ŝiparo, bruteca forto, mortigo de milionoj de homoj fine decidas tian konflikton! Do, bruteca forto, anarĥio kreas rajton, ne leĝo aŭ justeco. Ĉar, manke de superŝtata leĝo, de supernacia registaro, de superpopola polica trupo, regadas ĉiam kruela anarĥio inter la Kristanaj ŝtatoj.

## Novaj homoj.

Ekkoninte la du ĉefajn kialojn de modernaj militoj, ni eltrovis la konvenajn rimedojn kontraŭ ili: krei novan homon en la nova mondo. Nova homo estas ĉiu, kiu venkis en sia koro la individualistan kaj kapitalistan avidecon per sinoferema amo kunfrata. Do, estas la plej urĝa, la plej grava, certe ja ankaŭ la plej malfacila tasko de porpaca movado katolika: krei novajn homojn; unue eduki sin mem kaj post tio la fraton! Bedaŭrinde, multaj reprezentantoj de la ĝisnuna porpaca laboro, precipe en la liberala kaj la socialista movado, malprizorgis tian edukadon de koroj. Ili ĉiam klopodas nur, instrue klarigi la intelekton!

## La nova mondo.

Sed nura kreado de novaj homoj ne sufiĉas. Samtempe ni devas prepari novan mondon, forigante interŝtatan anarĥion. Nur kelkajn principojn ni pripensu ĉi tie.

Laŭ la ĉiama instruo de nia Eklezio „la tero kaj ĝia tuta enhavo estas posedaĵo de la Kreinto“. Per aliaj vortoj: Dio kreis por ĉiuj homoj kaj por ĉiuj nacioj same la teron kun ĝiaj naturaj fortoj kaj riĉaĵoj. La tuta homara familio, ampleksanta ĉiujn rasojn kaj ĉiujn naciojn, devas laŭ la Dia volo loĝi, multiĝi, sin nutri sur tiu unu sama terglobo, ĉar alie Dio estus kreinta pli grandan aŭ duan teron! Do, la tero kun ĝiaj naturaj riĉaĵoj kaj fortoj estas komuna posedaĵo de la tutmonda homa familio. Ĉiuj nacioj havas saman rajton, utiligi al si la de Dio donitajn al ili ĉiuj riĉaĵojn de minoj, la marojn, la havenojn kal la riveregojn per laboro, per komercaj interrilatoj ktp. La „libereco de la landoj kaj de la maroj“, realigita saĝe kaj iom post iom, sendube estas taŭgega rimedo, por eviti intermilitadon. Ĉar, se iu haveno aŭ kanalo ekz: „Dardaneloj“, fakte estas internaciigita, t. e. uzebla por ĉiuj nacioj sub samaj kondiĉoj, tiam plu ne ekzistas kialo, por batali pri tiu „posedaĵo“. Ĝi ja estas komuna posedaĵo.

Alia principo: Laŭ la tradicio de la Sanktaj Libroj ĉiuj homoj estas infanoj de samaj pragepatroj, do, ĉiuj kune estas unu granda familio tutmonda. Sed, membroj de sama familio sendube havas samajn rajtojn, ĉu ne? Do, ĉiuj nacioj sendube same rajtas, destini propravole pri ilia sorto, pri la sistemo de ilia interna registaro, pri la formo de ilia libereco aŭ sendependeco. Sendube, la postulo de libera rajto, destini pri si mem, estas principo Kristana. Ĉar vera Kristanismo ne permesas sklavecon! Ne estu submetata unu nacio al alia, sed ĉiuj al la homara familio.

Se tiuj ĉefaj principoj dè vere Kristana paco fakte estus realigitaj, la precipaj kialoj de modernaj militoj estus neniigitaj. Ĉar ŝtatoj interbatalas precipe, por havigi al si naturajn riĉaĵojn (minojn, havenojn k. a.) aŭ memstarecon, sendependecon. Por efektivigi tion, por anstataŭi ne-Kristanan anarĥion interŝtatan, ni bezonas supernaciajn registaron, leĝon, tribunalon, polican trupon.

La plej diversaj estas la opinioj pri la detala formo de la ĵus nomitaj interpopolaj institucioj. Pri la internacia registaro eble jena propono ŝajnas tre taŭga: Ĉiuj modernaj ŝtatoj interligiĝas en vere efika „Ligo de la Nacioj“. Kompreneble, la estraro de tia grandega Ligo devas esti vere superŝtata kaj neŭtrala, same, kiel la Lig-estraro de iu ŝtato konsistanta el kelke da „Ligoŝtatoj“ (Svislando, La Nord-Amerikaj Unuiĝintaj Ŝtatoj) devas respekti la interesojn kaj rajtojn de ĉiu aparta memstara ŝtato. Do, tiu registaro devas konsisti precipe el veraj internaciistoj. Malfeliĉe, en la ĝisnuna Lig-estraro de la Ligo de la Nacioj la reprezentantoj de la apartaj ŝtatoj havas fakte nur voĉdon-rajton kaj ne povas decidi laŭ libera ilia konscienco (kiel deputito de ĉiu demokrata parlamento), sed nur laŭ la ordono de ilia

registaro. Tio estas ne nur grandega malutilo sed ankaŭ kontraŭ-demokrata kaj ne-Kristana metodo, ĉar la estraro de la „Ligo de la Nacioj“ ne devas decidi laŭ la utilo de iu aparta ŝtato sed laŭ la komunaj interesoj de ĉiuj popoloj aliĝintaj. Do, la internacia estraro devas konsisti el veraj „internaciistoj“, ne destinitaj de registaroj, sed elektitaj de la popoloj mem aŭ almenaŭ de la demokrataj parlamentoj. Tiuj elektitaj reprezentantoj estas interliga parlamento kaj destinas „agadan komitaton“ aŭ internacian ministraron, kiu starigas komisionojn por la diversaj labor-ampleksoj ktp.

Sed, por respekti la rajtojn kaj la interesojn de la apartaj membro-ŝtatoj, oni devus starigi internacian konsilantaron konsistantan el reprezentantoj de la apartaj ŝtat-registaroj. Tiu konsilantaro devus havi kontrol-rajton pri la plej gravaj decidoj de la interliga parlamento. Tia superŝtata institucio, en kiu ankaŭ la apartaj membroj havas sufiĉe grandan rajton, efike povas realigi la komunajn interesojn de la Ligo-membroj en politika, ekonomia, komerca, scienca, higiena rilatoj, ĝi povas doni vere superŝtatajn leĝon kaj konstitucion, ĝi povas, kiel „la plej supera instanco“ decidi pri ĉiuj konfliktoj ktp. Ĉar tute erara estus opinio, ke post starigo de internacia laŭleĝa stato jam ĉesus per tio mem ĉiuj diferencoj inter nacioj. Tute ne. Konfliktoj ĉiam ekestos! Klopodo de porpaca movado povas esti nur, malplimultigi ilin, kaj la efiko de interŝtata leĝo estos, ke oni ne plu decidos pri ili per kruelaj armiloj, sed laŭ komuna rajto. Por tiu celo specialaj institucioj estos necesaj, parte jam ekzistantaj, parte nove kreotaj: arbitracia tribunalo, al kiu la ŝtatoj propravole povas antaŭmeti siajn konfliktojn por definitiva juĝ-decido; interŝtata tribunalo, deviga por ĉiuj membroj de la Ligo, al kiu ĉiuj gravaj diferencoj devas esti antaŭmetataj. Decido pri tiaj okazos laŭ internacia leĝo publikigita de la Lig-estraro. Kiel la plej supera instanco funkcios en la plej gravaj konfliktoj la „Ligo de la Nacioj“ mem, kiu ankaŭ posedos konvenajn rimedojn, por efektivigi siajn decidojn (ekonomiaj aŭ financaj baroj, interŝtata polica trupo k. s.).

Unu el la plej gravaj problemoj ŝajne estas komuna senarmiĝo. Ŝajne, mi diras. Ĉar fakte tia afero ne estas tiom malfacila. Kiam ekzistos vere sufiĉa leĝo internacia kaj vere efika superŝtata juĝistaro, kiu garantias justecon, la ŝtatoj per tio mem ĉesigos armiĝon senracian. Ĉar ili subtenas grandajn armeojn ja nur, por garantii al si sufiĉan influon. Se leĝo garantios justecon, ne ekzistos kaŭzo, por armi sin. Internacia polica trupo sub ordono de la Lig-estraro sufiĉos, kune kun efika leĝo, por konservadi la pacon.

Superflue ŝajnas, diri aparte, ke la memstareco de la Ligo-ŝtatoj devas esti la plej ekzakte respektata, precipe en la komenco, ĉar nur tiamaniere oni kreos tiun konfidemon, kiu estas la fundamento de amo.

(Daŭrigota.) Kaspar Mayr, Graz.

# Sciigoj de la Centra Administra Oficejo de „Ika“.

## La „Ika“-movado.

Nia Savinto, parolante pri la disvastiĝo de Lia Eklezio, rakontis al Siaj disĉiploj la belegan alegorion pri la sinaposemero, kiun homo metas en sian kampon . . kaj ĝi kreskas kaj fariĝas grandega arbo ampleksanta ĉiujn landojn. Jen, bildo de ĉiu spirita kaj religia movado. Se ĝi fakte estas viva forto en la mondo, ĝi ne devas esti farata, ĝi devas fariĝi, kreski per internaj siaj energioj. Homoj nur povas krei konvenajn kondiĉojn naturajn por ĝia memstara kreskado.

Ankaŭ nia movado estas spirita, religia potenco naskiĝanta el la ĉiam juniĝanta amo Kristana, venkonta per ĝia energio elĉiela. La kunlaborantoj nur estas iloj de tiu vivoplena ideo, kiu devas kreski per si mem en la koroj de la katolikaj fratoj. Kaj ĝi kreskas, senĉese pligrandiĝante, spite multe da naturaj mal-facilaĵoj.

La semeroj dissemitaj en la Hag'a kongreso kreskadis jam tre bone dum malmulte da monatoj de vere efika laboro kaj produktis belajn fruktojn. Kompreneble, la malfacilaĵoj estas grandaj. Tio tute ne estas stranga. La nuntempa malfeliĉa politika situacio ĉiam pli disiganta la naciojn, la seninteresiĝo de multaj katolikoj rondoj en la diversaj ŝtatoj, la malkompreniĝoj kaj disiĝoj inter la katolikaj internaciistoj mem sendube estas malhelpo por nia movado. Plue, tro multe da klopodoj celantaj internacian kunagadon ofte serĉas nur naciajn interesojn, por disvastigi nacian civilizon, nacian lingvon ktp. Tio estas granda danĝero. Ĉar la nuntempa maniero de internacia politiko, ne bazita sur fundamento de pacemo, nur povas disigi korojn, ne kunigi.

Malgraŭ tiuj cirkonstancoj ni kun ĝojo povas konstati, ke nia movado progresas. La unua kaj plej malfacila tasko estis, trovi vere internaciistajn katolikojn, pretajn, efike kunlabori. Sur la terglobo, en pli ol 30 ŝtatoj ekzistas multe da katolikaj samideanoj por tiu celo. Sed, kiel serĉi ilin? Tre granda propaganda servo estis necesa; noticoj, raportoj, artikoloj devis esti disvastigataj en la plej diversaj ŝtatoj, multaj centoj da leteroj diverslingvaj skribataj, por instrui, por klarigi, por varbi. Tiamaniere ni sukcesis iom post iom, gajni ĉie nombron de kunlaborantoj. Novaj naciaj reprezentantoj estas starigitaj ekz. en Skotlando, en Brita Okcidenta Hindujo, en Rumanujo, en Kroatujo k. a. Interrilatoj estas komencitaj kun samideanoj en Aŭstralio, en Suda Afriko, en Suda Ameriko. Grandaj organizaĵoj, ekz. la „popolligo katolika“, la plej granda kaj plej influa organizaĵo katolika Svislanda, subtenas la movadon, nominte delegitojn. En ĉiuj landoj formiĝas grupoj de anoj, de kunlaborantoj; katolikaj kluboj kaj societoj interesiĝas pri nia afero, kaj per oferema kunlaborado de ĉiuj naciaj direktoroj pro-

gresas la komuna laboro. Plue, la starigo de la internacia delegito-sistemo estas komencita, la internacia gazetaro-servo estas preparata. La antaŭlaboroj por la kongreso, la preparo de la fakaj konferencoj bezonas multegon da tempo kaj da laboro. Fine, „Moka" ekfloras admirinde! La junularo ja estas la espero, la estonto!

Do, la laboro estas grandega; la kunlaborantoj estas ankoraŭ tro malmultaj. „Ika"-anoj, havu iomete paciencon, se CAO ne ĉiam respondas al vi tuj! Tre bone ni scias, ke niaj fortoj kaj niaj rimedoj estas nesufiĉaj, por plenumi laŭdeve la necesan laboron, kiu ĉiutage pligrandiĝas. Ni urĝe bezonas novajn kunlaborantojn, novajn rimedojn! Dio helpos! Kunhelpu ankaŭ vi per laboro kaj laŭpova subteno. K. M—r.

* *
*

**La starigo de la delegito-sistemo.** Por plifaciligi tujan starigon de la delegito-sistemo, CAO eldonis dupaĝan flug-folion enhavantan la ĉefajn rajtojn kaj devojn de la „Ika"-delegitoj en mallonga regularo. Ĉiuj lokaj grupoj destinu tuj delegiton por ilia urbo! Ĉiu „Ika"-ano anoncu sin ĉe lia direktoro aŭ ĉe CAO.

**Varbmaterialo nacilingva.** CAO eldonis kvarpaĝan flug-folion „Raporto" pri la celo kaj la organizo de „Ika", en Angla, Franca, Germana, Itala kaj Hispana lingvoj. Oni skribu poŝtkarton, kaj CAO sendos tuj tian. Plue, Anglalingvaj „Alvokoj" ankoraŭ estas haveblaj. La broŝureto „Internacio Katolika" ĝis nun publikigita en Germana lingvo, aperos Italalingve ĉe Paolet, eldonisto en San Vito al Tagliamento.

**Profesiaj gekunlaborantoj.** CAO serĉas kunlaborantojn aŭ kunlaborantinojn por la „Ika"- kaj la „Moka"-laboro, precipe en ŝtatoj kun malalta valuto. Sufiĉa scio de kelke da Eŭropaj lingvoj krom Esperanto estas necesa. Detalajn informojn donas CAO.

---

# Por subteni la „Ika"-movadon.

CAO en Graz ricevis pluajn mon-donacojn por la „Ika"-movado, i. a. de: Sro prof. V. Arnold en Zug, Svislanda direktoro de „Ika", 20.000 Aŭstr. Kojn — Abatejo St. Meynrad en Indiana (Norda Ameriko) 30 Dolojn — L. E. M. Mac Donald, episkopo de Victoria (Norda Ameriko) 2500 Aŭstr. Kojn — L. E. M. K. Majlath, episkopo de Transsilvanujo, 100 Germ. Mkojn — Sro J. A. Meagher en Dublin (Irlando) 2100 Aŭstr Kojn.

Al ĉiuj, ankaŭ al la ĉi tie ne nomitaj, subtenintoj koregan nian dankon!

---

# Mondjunularo Katolika („Moka").

Graz (Aŭstrujo), Karmeliterpl. 5.

**Delegitoj**

estas elektitaj en jenaj urboj:

Germanujo:

Bruchsal: Sro Josef Probst, Huttenstr. 33, prov. 331.
Charlottenburg: Sro Paul Deka, Göthestr. 46.
Heiligkreuz: Sro Georg Diegmann, Missionshaus.
Ingolstadt: Sro Wilhelm Pflaum, Kreuzstr. 9.

Nederlando:
Rotterdam: Sro A. Gelton, Sleephellingstr. 27.

Svisujo:
Zug: Sro Prof. W. Arnold, prov. ĉef-afergvid. de „Moka“ por Svisujo.

**Kiel la unua granda junula asocio** aliĝis la katolika distrikt-ligo de ĉiuj junulaj unuiĝoj en München kun proks. 5000 membroj!

Ni petas niajn delegitojn, publikigi jenan alvokon en la katolikaj ĵurnaloj:

**Alvoko de „Mondjunularo Katolika“.**

„Moka“ progresas en preskaŭ ĉiuj landoj. Baldaŭ ĝi havos la unuan centon de delegitoj. En diversaj landoj lokaj grupoj vigle agadas. Gravaj katolikaj junulaj asocioj jam aliĝis. La membraro kreskas de tago al tago. Tiamaniere daŭrigante la laboron, „Moka“ baldaŭ atingos sian celon, unuigi la tutmondan katolikan gejunularon al potenca katolika junula internacio.

Sed, la elspezoj por la sekretariejo kun profesia sekretario estas treege altaj. Krom tio „Moka“ devas eldoni propagandan materialon, broŝurojn ktp. kaj tio ĉio nuntempe estas tre multekosta. Bedaŭre, la enspezoj ĝis nun estas relative malmultaj.

Pro tio ni turnas nin al la tutmonda katolikaro kun la korega peto, subteni nian laboron per mon-donacoj ktp. Niaj kontraŭuloj konstante oferas multegon da mono por ilia movado! Ni ne lasu nin hontigi de ili! Por ĉiu donaco ni estos tre dankaj.

Donacojn akceptas la delegito de „Moka“ Sro                en aŭ la centro en Graz (Aŭstrujo), Karmeliterpl. 5.

**Ni laŭdas:**

Sron A. Bárta en Proseĉ, del. de „Moka“, kiu fervorege laboras kaj jam sendis multajn aliĝojn ktp.

Sron A. Weiss en Breslau, prez. de la tiea loka grupo.

Sron F. Prengel en Bydgoszcz (Bromberg), ĉef-del. de „Moka“.

**Diversaj komunikoj:**

1. Kelke da delegitoj ankoraŭ ne respondis la duan cirkuleron de „Moka“! Ni nepre devas peti, respondi ĝis la fiksita tempo! Nur tiam la centro sukcese povos labori. Laŭ la regularo ĉiu delegito estas devigita, respondi laŭpove tuj demandojn ktp. de la centro!

2. „Moka“ intencas, malfermi en diversaj landoj t. n. landan sekretariejon, al kiu oni sendu en tiu lando ĉiujn skribaĵojn ktp. La ofico de sekretario estas provizore ankoraŭ honora. Kredeble, poste estos eble, havi profesian sekretarion. Kiu volas preni sur sin gvidadon de tia sekretariejo en la intereso de la „Moka“-movado, sciigu tion baldaŭ al la centro en Graz.

3. Bedaŭre ĝis nun ankoraŭ ne anoncis sin delegito el Britujo, Francujo, Italujo kaj aliaj landoj por referato dum la „Moka“-kunsido en Graz. Ni do esperas, ke iu el niaj delegitoj eksterlandaj baldaŭ sin anoncos por tio. En la venonta numero de „Espero Katolika“ ni publikigos la unuajn membrojn de la „Moka“-konferenco. Do, baldaŭ anonci sin por ĝi!

---

# „Moka“ en Polujo.

La antaŭ ne longatempe fondita „Moka“ bone disvastiĝas ankaŭ en la tute katolika Polujo. Tie ekzistas jam tri delegitoj funkciantaj en la tri partoj de la lando, nome en Przemyśl (Galicio) Siedlce (kongres-Polujo) kaj Bydgoszcz (Granda-Polujo). Post reciprokaj interrilatoj la movado fariĝos pli vivoforta. En Bydgoszcz aliĝis kiel la unua katolika junula organizo

la loka kat$^{a}$ Esp$^{o}$ - grupo „Antaŭen kun kredo“ kun 25 membroj (la fondinto de tiu grupo estas S$^{ro}$ ekl. konsil. Becker, la prez. S$^{ro}$ Kowalewski.) La anoj de la grupo kunvenas ĉiun lundon je la $6^{1}/_{2}$$^{a}$ vesp. en la oficejo ĉe la ĉef-preĝejo.

Bydgoszcz.

Fr. Prengel,
del. de „Moka“.

---

# Alvoko al la tutmonda katolika gejunularo!

La Mondjunularo Katolika („Moka“) aranĝos dum Aŭgusto 1921 sian unuan internacian kongreson, kiu estos samtempe la ĝenerala kunsido. Dum tiu oni pritraktos la plej gravajn nuntempajn demandojn de la tutmonda katolika junularo. Ĉefa tasko de la kunsido estos i. a. la fiksado de la definitiva statuto de „Moka“.

Katolika gejunularo tutmonda! Grandaj estas la taskoj, kiujn ni devas solvi dum nia unua kunveno en Graz. Pro tio estas nepre necese, ke kiel eble plej multaj junuloj el ĉiuj landoj partoprenu. Devas esti honora devo de ĉiu pli granda katolika junula organizaĵo, sendi almenaŭ unu reprezentanton al la kongreso, por ke la kunveno fariĝu potenca manifestacio de la tutmonda katolika junularo.

Ankoraŭfoje ni petas ĉiujn, kunhelpi, ke ni baldaŭ atingu nian belan celon: unuigi la tutmondan katolikan gejunularon en potenca universala junula internacio.

Pluajn sciigojn donas la kongres-komitato en Graz (Aŭstrujo), Karmeliterpl. 5.

D$^{ro}$ M. J. Metzger,
prezidanto.

Hans Sappl,
ĝen. sekr.

stud. med. Kemme, Amsterdam,
del.

F. Prengel, Bromberg,
ĉef-del.

F. Scheibl, Wien,
ĉef-del.

Fr. Martin, Barcelona stud.,
ĉef-del.

A. Bartoloni, Pisa,
ĉef-del.

J. Bernhard, München
ĉef-del.

---

# La nuna katolika movado inter la Paris'aj studentoj.

Mi aŭdis de Jesuito, kiu tre bone konas la katolikan movadon en la Francuja ĉefurbo, ke de jaroj tiu movado ne estis tiom prospera, vigla kaj potenca kiom nuntempe. Kiuj estas la kaŭzoj de tia renoviĝo? Dio scias ilin. Ni povas diri almenaŭ, ke la longega kaj malfeliĉega milito havis la bonegan rezultaton, montri la heroan sindonemecon kaj aliajn virtojn sublimajn de la pastroj. Tiamaniere la influo de nia sankta religio disvastiĝis pli kaj pli, eĉ, kaj eble precipe, en la studentaj rondoj, ĉar ĉiu bone scias, ke la studentoj, en kiu ajn lando ili troviĝas, ĉiam kaj ĉie estas plenaj de fervoro kaj entuziasmo por ĉio, kio aperas al ili kiel granda, bela kaj aminda.

Mi tute ne pretendas, montri ĉi tie ĉiujn flankojn de la katolika movado nuntempa inter la Paris'aj studentoj. Mi nur donos kelkajn interesajn kaj edifajn detalojn pri ĝi en la plej grandaj kaj mondofamaj superaj lernejoj de Paris.

En la Politeknika Lernejo troviĝas nun centoj de fervoraj katolikoj. Oni povas vidi kelkafoje pli ol cent da ili adori la Sanktegan Sakramenton elmetitan en la tre bela kaj tre konata baziliko de la Sankta Koro sur Montmartre, dum la nokto de la unua vendredo ĉiumonata. Dum la pasinta

jaro preskaŭ 160 da ili faris dum kelkaj tagoj religiajn ekzercojn. Dum tiu-sama jaro pli ol cent da ili ĉiudimanĉe komuniiĝis, ĉiuj kune, en iliaj uniformoj ofte ornamitaj de belaj ordenoj gajnitaj en la milito. Same ili kutimas iri kune al la konfeso en granda preĝejo, por doni bonan ekzemplon.

En la Centra Lernejo por inĝenieroj preskaŭ 400 studentoj kun 9 profesoroj iris kune, dum la Pasko-festo pasintjara, al la Sankta Tablo en la mondofama katedralo de Nia Sinjorino (Notre Dame de Paris). De multaj dekoj da jaroj oni ne estis vidinta tian mirindaĵon de katolika fido kaj pieco!

La studentoj en la Lernejo de St Cyr por oficiroj uzis ĉiujn rimedojn, eĉ paroladojn kaj artikolojn en gazetoj, por malhelpi en la oficialaj baloj de ilia lernejo du dancojn malpermesitajn de la arĥiepiskopo.

La studentoj en la Lernejo por Belaj Artoj sukcesis, fondi societon por katolika arto, nomatan Societo de Sta Johano.

Mi fine devas aldoni, ke la seminario en Issy-les-Moulineaux, proksima al Paris, enhavis dum la 1920a 260 studentojn. La granda mirindaĵo estas, ke preskaŭ ĉiuj duagradaj lernejoj en la ĉefurbo liveris al tiu seminario unu aŭ pli da studentoj. Ĉiu scias, ke preskaŭ ĉiuj tiuj lernejoj malfeliĉe estas senreligiaj oficiale. Neniam ĝis nun oni vidis iliu doni tiom da studentoj al seminarioj.

La legantoj de „E. K.“ do vidas, ke vera renaskiĝo katolika okazas nun en la bela kaj sindonema lando Francujo, precipe inter la studentoj, kiuj pro ilia juneco evidente estas la kara espero de glora estonto religia.

Jusuf.

---

# La meso por repacigo.

Kiel Dio uzis iam, por enkonduki la piecon al la Jesuo-koro, simplan orden-fratinon en Paray-le-Monial en Francujo, tiel la meso por repacigo estis ekvivigata per Premontreana fratino en la monaĥinejo Bonlieu en la suda Francujo: Roza Mirabal. Ŝi naskiĝis la 24an de Marto 1812a kaj edziniĝis kun tajloro, kiu mortis dum la 1857a. La vidvino ricevis rivelacion de Dio, kiam ŝi dum la Korpo de Kristo-festo 1862a en la preĝejo Nicolas-des-Champs en Paris ĉeestis la kvinan meson. Tiun rivelacion ŝi sentis pli klare dum la Jesuo-koro-festo de tiu sama jaro. La Savinto malkaŝis al ŝi, kiom afable estus al Li, se Liaj fidelaj servistoj kaj servistinoj ĉeestus duan sanktan meson anstataŭ la ne-vizitantoj Diservon dum la dimanĉoj kaj la festotagoj.

Tio do estas la esenco de la sankta meso por repacigo: ĉeesti dum dimanĉoj kaj festotagoj duan sanktan meson kun la intenco, kompensi al Dio la honoron forrabitan al Li de tiuj, kiuj pro propra kulpo ne vizitas la sanktan meson.

La 6an de Junio 1871a Sno Mirabal eniris la Premontreanan monaĥinejon Bonlieu, kie ŝi mortis la 21an de Oktobro 1882a. Tiu abatinejo baldaŭ fariĝis la centro por tiu pia afero de meso por repacigo, por kiu tie dum la 1886a estis starigata de la tiea episkopo la unua frataro, jam dum tiu sama jaro altigata de la papo Leono XIIIa al ĉef-frataro. Varmege rekomendite dum la Eŭkaristiaj kongresoj, ĝi rapide disvastiĝis tra ĉiuj landoj de la tero.

Nuntempe ekzistas en Premontreanaj abatejoj aŭ priorejoj ĉef-frataroj de la repacigo-meso: por Aŭstrujo en Schlägl, por Belgujo en Tongerloo,

por Nederlando en Berne, por Britujo en Manchester, por Hispanujo en Toro, por Polujo en Zwyrzyniec, por la Unuiĝintaj Ŝtatoj Amerikaj en West de Perę, por Kanado en Montreal, por Svisujo en Freiburg i. B., por Ĉeĥoslovakujo en Strahov (al kiu estas alligita la frataro en Tepl), por Italujo en Maria Reparatrix (Milano) kaj Sta Croce dei Luchesi (Roma). La sidejo por Germanujo estis antaŭ la tutmonda milito en Strassburg.

Kiu ne povas ĉeesti duan meson dum la dimanĉoj, tiu povas dum iu semajno-tago laŭ lia volo ĉeesti tian meson por repacigo. Per nova papa dekreto estas destinite, ke en lokoj, kie dum dimanĉoj kaj festotagoj nur unu meso estas dirata, la dua meso estas anstataŭebla per preĝado antaŭ la Plejsankto antaŭ aŭ post tiu unu meso.

Nuntempe la „sankta meso por repacigo" nombras pli ol unu milionon de anoj kaj en diversaj lingvoj sep revuoj kaj multaj praktikaj libroj estas eldonitaj de la tiucela religia societo.

Hötzelsdorf. B. H. Kraus, O. Praem.

---

# Kristana Arto.

Laŭ teksto de Dro Trautzl en „Reichspost" Wien.

Kiom ajn diferencaj fariĝis la pensado kaj la sentado de la homaro dum la sinsekvo de tempoj en konstanta ŝanĝo de profunde intima kredo je Dio kaj de senbara diigo de la propra „mi", de idealismo kaj materialismo: sur unu teritorio la egoisma senkredeco tamen vidis metita al si barojn, kies trarompo nature portis en si la ĝermon de malsukceso. La pentro- kaj skulptartoj ne lasas igi sin fruktoportaj de materialismo; iliaj fundamentaj kolonoj estas la ĝojo je la sankta beleco de la kreita de Dio naturo kaj la pura entuziasmo je la verkoj de la Kreinto, kiuj devas esti obervataj ne kun kritika rigardo sed rigardataj kaj admirataj kun respekto. Sian plej altan floradon la arto ĉiam atingis, kiam la artistoj penadis nur, per ilia kapablo servi al Dio. Se de Rafaelo la Sikstina Madono, de Dürer la rozario-pentraĵo, de Paulo Troger la geniaj barokaj komponaĵoj aŭ de Klinger la krucumo de Kristo ne estus kreitaj — kioman malhavon tio ja signifus por la pentro- kaj skulptartoj!

La Kristana arto estas ne nur arto religia, ĝi estas, malgraŭ ĉiuj internaciaj rilatoj tiom diversamaniere interligantaj religion kaj arton, esence nacia arto. Ĉar, kie esprimiĝu la specialeco de popolkaraktero pli decide ol en la plej alto, kiu supreniĝas el la animo de la homaro: en la pura intima kredo je la direktanto ĉion okazantan? Tiel la verkoj de Ticiano, la Madonoj de Murilo kaj la Isenheim'a altaro de Grunewald estas eminente naciaj en la sentado kaj la percepto de supernaciaj, sentempaj ideoj. La epigona popolo de tiuj, kiuj en nura metia lerteco, en imitado kaj postkreado vidas la kvintesencon de arto, povas teni sin malproksima de kredo je io dia; la artista genio, en kiu plej intense spiras la sentado de ĝia tempo, sin turnas kun natura forto al io superracia, religia, kio sola povas devigi al potenca formdonado. En ĝi vivas fajrero de la dia spirito, kiun la ideo en servo al Dio povas disvolvi ĝis lumanta flamo.

Tamen, la Kristana arto, la patrino de ĉiuj artoj, fariĝis en la periodo de materialismo malprizorgata rilate artista verkado, ekzilata kaj primokata,

ĉar ĝia flugo iris tro alten por la kroĉiĝanta je la tero materialista sentado. Sed nun, kiam la homaro estas saturita per suferoj, kiam ĉies koro sopiras je idealaj altoj, nun venas la tempo ankaŭ por ĝia plenbrila reviviĝo, sed kun tio ankaŭ la danĝero, ke ĝi fariĝos ekspluataĵo por tiuj rondoj, kiuj pro timo je la ĉiopotenco de ĝia supreniĝo volas kateni ĝin en pure eksterecajn formojn, por subpremi la loĝantan en ĝi internan spiriton.

Nia Kristana arto devas esti ree plenigata de Kristana spririto, ĝi devas esti internigata, ree formata sincera kaj simpla, vere religia. La plej malgranda sanktul-bildo, destinata por iu preĝolibro, efektive prezentu veran artaĵon, kiu plenigas per pieco kaj nobligas la sentojn de la popolo. Ni devas liberigi nin de ĉiuj artaĉaĵoj de rutinaj ne-Kristanaj komercistoj, de la religiaĵoj ofte kvazaŭ blasfemaj, kaj anstataŭi ilin per pura alta arto.

Entrepreno grandetenda, kiu tion celas, estas en fondiĝo. Devo de la katolikaro en Aŭstrujo, precipe de iliaj bonhavaj partoj, nun estas, zorgi por la Kristana arto per subskripcio de kapitaloj kaj per agado klariga, ke ĝi fine okupu la decan por ĝi lokon. La posedanto de Calasanz-eldonejo en Wien, S^ro Josefo Gürtler, VIII., Piaristengasse 56/58, kiu de longatempe klopodas, veki la Kristanan arton el ĝia dormo de princidino inter rozodornoj, estas proponanto de „Asocio por Kristana Arto kun limigita garantiodevo“, kiu, apogita de agado-kapitalo da 15 ĝis 20 milionoj de Aŭstrujaj Kronoj, vere grandamplekse iniciatu tion, kio en München jam estas efektivigita: La arton kaj la artistojn ree konduki sur tiujn vojojn, kiujn ili forlasis, malprofite por ili mem. Grandaj ekspozicioj de artaj kaj artmetiaj verkaĵoj, subtenado de Kristanaj artistoj, eldonado de speciala revuo por arto*) kaj de multvaloraj reproduktaĵoj, konkurencoj por afiŝo-skizoj kaj ilia pretigo, partopreno en eldono- kaj Kristanaj film-entreprenoj, paroladoj direktantaj kaj laborado klariganta en la servo por la bono de la popolo: jen, nur la ĉefaj punktoj de tiu vere grandampleksa projekto.

Tiu entrepreno havas ankaŭ socia-ekonomian signifon. Ciujare en Aŭstrujo religiaĵoj estas importataj kun valoro de kelke da milionoj de Kronoj, kiuj grandaparte fluas en la poŝojn de hebreaj komercistoj: Artan valoron ili ne havas. Ankaŭ en tio fari Aŭstrujon memstara, ree altigi la Kristanan arton, nobligi la spiritojn, krei ekonomiajn valorojn, profitajn por la arto, tio estas tasko inda je ĉia subteno.

Bedaŭrinde estus, se plenvalora projekto estus kondamnata al malsukceso tial, ke la Kristana popolo en Aŭstrujo ne povas montri sufiĉe da idealismo kaj da oferemo, kiuj alialoke jam rezultigis brilajn sukcesojn.

* *

Kompreneble, ne nur el Aŭstrujo sed de la tutmonda Kristanaro tia projekto meritas la plej grandaniman subtenadon per propagando kaj ĉefe per havigo de la necesa por ĝi kapitalo, kiu en la eksterlandaj altvaloraj valutoj estus kapital-dispono promesanta ankaŭ materian profiton, kiam la entrepreno prosperos. La redakcio de „Espero Katolika“ volonte peros informojn pli detalajn kaj sinanoncojn de partoprenemuloj en tiu entrepreno por reŝatigo de la Kristana arto ĉiulanda kaj ĉiutempa.

---

*) Eble „Espero Katolika“ en pli granda kai pli vasta formo taŭga por tiu celo. Rim. de la Red.

# Du Mario-kantoj.

## Milda, ho, reĝin'

Milda, ho, reĝin', memoru:
Ja neniu aŭdis ĝin,
Ke pilgrimo Vin petegis
Kaj Vi ne elaŭdis lin.
|: „Panjo mia" la idar'
Ĉiuloke Vin ja laŭdas;
Ke Mario ne elaŭdas
Pian peteganton ŝin,
Ne aŭdos ĝin
Ne aŭdos ĝin,
Iu el la homidar',
De centjaro al centjar'. :|

Kiu ja al Vi rifuĝis,
Kiu ne forgesas Vin,
Jesas, ke infer-minaco
Ne timigi povas lin.

Helpon al idaro iam
Ĉu, patrin', rifuzis Vi?
Ĉu eĉ grave pekegintoj
Vane plendis ja al Vi?

Ho, patrin', ĉefvirgulino,
Jen, kuregas mi al Vi.
Jen, petegas mi konfide:
Helpu, ho, patrin', al mi!

Vidu grandan min pekinton
Ploran ĉe pied' de Vi;
Ĉu, la plej mizera ido,
Sen konsol' foriru mi?

Ho, Mario, ne rifuzu,
Kion peti venis mi;
Mian vorton kun favoro,
Ho, patrin', elaŭdu Vi!

Ja elaŭdu mian peton,
Al la filo gvidu min
Tra pordego la ĉiela,
Kaj ĉe Vi loĝigu min!

El Germana lingvo tradukis J. Sch.

## Stel' sur mar', saluton!

(Eklezia Latina himno „Ave Maris stella".)

Stel' sur mar', saluton,
Dipatrin' glorplena,
Ĉiam virgulino,
Pordo de ĉielo.

Akceptinte l' „Ave"
El anĝela buŝo,
Nin en pac' firmigu
Per la ŝanĝ' el „Eva".

Savu la kulpulojn,
Helpu blindiĝintojn,
Puŝu for malbonon,
Bonon ja elpetu.

Montru, ke vi estas
La patrin' favora,
Korajn preĝojn niajn
Via Fil' elaŭdu!

Virgulin' distinga,
Inter ĉiuj milda,
Igu nin senkulpaj,
Ĉastaj kaj kvietaj.

Vivon igu pura,
Vojon sendanĝera,
Ke ni ĉiam ĝoju
Jesu'n alvidante.

Estu laŭd' al Patro,
Glor' al Fil' plej alta,
Kaj honor' samgrada
Al Spirito sankta. Amen.

Esperantigis Pro F. M.

# Kiel ni lernu la lingvon Esperanto.

En nia alvoko al ĉiuj niaj karaj katolikaj fratoj kaj fratinoj, en la 1/2aj noj de „E. K.“ 1920, ni urĝe petis, ke ili lernu, instruu, disvastigu kaj subtenadu la plej belan ideon de homamo kaj de harmonio, kulminanta en la lingvo Esperanto, se ili efektive deziras ĝojon promesantan estonton al nia sankta Eklezio kaj al ĝia anaro. Antaŭ ĉio la katolikoj do lernu Esperanton. Ni aŭdu, kion nia majstro, Dro Zamenhof, diris pri lernado de tiu lingvo.

„Lerni la lingvon“, li skribis en la antaŭparolo al la unua eldono de lia Fundamenta Krestomatio (Varsovio Aprilo 1903), ĉiu povas laŭ ĉiuj libroj, kiujn li deziras; sed, ĉar multaj Esperantaj libroj estas verkitaj de personoj, kiuj ankoraŭ ne posedas bone la lingvon Esperanto, kaj komencanta Esperantisto ne povus rilati al ili sufiĉe kritike, tial estas dezirinde, ke ĉiu, antaŭ ol komenci la legadon de la Esperanta literaturo, tralegu atente la Fundamentan Krestomation. Ne deprenante de la lernanto la eblon, kritike proprigi al si ĉiujn riĉigojn kaj regule faritajn perfektigojn, kiujn li trovas en la literaturo, la Fundamenta Krestomatio por ĉiam gardos lin de blinda kaj senkritika alproprigo de stilo erara. Atentan tralegon de la Fundamenta Krestomatio mi rekomendas al ĉiu, kiu volas skribe aŭ parole uzi la lingvon Esperanto. Sed precipe atentan kaj kelkfojan tralegon de tiu ĉi libro mi rekomendas al tiuj, kiuj deziras eldoni verkojn en Esperanto; ĉar tiu, kiu eldonas verkon en Esperanto, ne koniĝinte antaŭe fundamente kun la spirito kaj la modela stilo de tiu ĉi lingvo, alportas al nia afero ne utilon, sed rektan malutilon.“

Do, se ekzemple la tradukinto de „Migrukunmi“ (Germanlingve verkita de la paroĥestro J. Sanzen) Francisko de Paŭla Clemente, paroĥestro en Sincing (Kevelaer, Butzoan kaj Bercker), estus obeinta tiun bonan konsilon, li certe ne estus meritinta la kritikon, kiun ĉiu povis legi en „Germana Esperantisto“ (20. Aŭg. 1913 — (B.) Bibliografio) aŭ en „Espero Katolika 1914, Nr. 105 Bibliografio): „ la traduko estas tiel terura, ke io simila ĝis nun apenaŭ estis trovebla en la literaturo de nia lingvo . . Preskaŭ neniu paĝo estas aprobinda. Ofte la traduko de la unuopaj germanaj vortoj simple estas metita laŭviçe unu apud la alia, sen konsidero, ĉu la tuta frazo redonas la enhavon de la germana, tiel, ke oni kelkfoje nur pene povas diveni ĝian veran sencon, eĉ se oni ne atentas la multajn gramatikajn kaj presajn erarojn. Precipe ĝenas la leganton la nekorekta apliko de multaj simplaj vortoj, la troa kaj malĝusta uzado de diversaj sufiksoj kaj de la adverba formo de l' participo, plue la ofte tre strange faritaj kunmetitaĵoj. Same oni devas mallaŭdi la laŭgermanan disigon el l' verbo de la subjekto — ktp. La tuta fuŝtraduko estas klarigebla nur timaniere, ke la tradukinto, apenaŭ fininte rapidan trastudon de la gramatiko, jam prenis la germanan eldonon de la preĝareto kaj fabrikis la Esperantigon per la helpo de vortaro. Tiel ankaŭ la nekalkuleblaj stilaj abomenaĵoj estas kompreneblaj, ĉar la tradukinto ŝajne neniam legis bonan literaturan verkon aŭ parolis kun vera Esperantisto . . .“

Rimarko. La sepa eldono de la Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto de Dro L. L. Zamenhof eliris en Paris, Librairie Hachette et Cie 1912. M.

---

# La devizo por energia Esperanto-propagando ĉiulanda.

En ĉiuj landoj ni Esperantistaj gvidantoj kaj kune kun ni multnombraj kunlaborantoj disvastigas nian karan Esperanto-lingvon kaj same ankaŭ la ideon de Esperantismo. Sed, malgraŭ bonaj klarigaj paroladoj tro multe da ne-Esperantistoj ankoraŭ ne volas kredi, ke ankaŭ en aliaj landoj, eĉ en la tuta vasta mondo nenombreblaj Esperantistoj fervore laboras, por atingi nian celon: deviga instruado de Esperanto en ĉiuj lernejoj, uzado de Esperanto ĉe la komercistoj ĉiulandaj, korespondado, parolado, pritraktado kaj diskutado, do, la tuta interrilatado internacia per Esperanto.

Mi bone scias, ke estas malfacile, diskonatigi nian kunan ĉiulandan laboron, ĉar multaj personoj aŭ ne havas sufiĉe da tempo, por ĉeesti klarigajn paroladojn, aŭ eĉ ne interesiĝas pri nia movado. Sed varbado kaj energia, bone pripensita propagando devas altiri amasojn da homoj, por ke ni baldaŭ povu ĝui la grandan benon de komuna uzado de Esperanto. Tiam espereble baldaŭ la ŝovinismo ĉesos, kaj fine la scienco, arto, praktiko ktp. eĉ de malgrandaj nacioj pere de Esperanto estos komprenebligataj al ĉiuj aliaj.

Ni nepre bezonas devizon, laŭ kiu ĉiuj Esperantistoj devas vigle labori, kaj kiu montras per malmultaj trafaj vortoj, kion ni volas. Kelkaj klarigaj vortoj antaŭmetitaj devas montri, ke laŭ tio oni agadas en la tuta mondo.

Mi mem jam komencis tie ĉi en Danzig tian agadon. La malsupre troveblan tekston mi presigis sur grandajn afiŝojn, sur invitojn por fondiĝofesto ktp. Mi uzis ĝin en publikaj paroladoj kaj diris la samon al tiuj skeptikuloj aŭ eĉ kontraŭuloj, kiuj dubas, ke la Esperanta movado plidisvastiĝas ĉiutage, kaj kiuj diras, ke la disvastigado de Esperanto malsukcesos pro ŝovinismo. Oni ofte ne havas sufiĉe da tempo, por klarigi al iu ĉiujn niajn sukcesojn, niajn dezirojn kaj nian altan celon.

Tial mi petas la tutmondan Esperantistaron, presigi aŭ skribi en nacia lingvo je la komenco de poŝtkartoj, invitoj, flugfolioj, klarigaj presaĵoj, gazetaj artikoloj, aŭ diri en paroladoj kaj dum varbado jenan mallongan tekston:

„En la tuta mondo nenombreblaj Esperantistoj nun laboras, por efektivigi ĉie sian devizon: **Amu vian patrujon, estimu eksterlandanojn kaj interrilatu kun ili, uzante la facile lerneblan tutmondan helplingvon neŭtralan Esperanto.**"

Danzig, Libera ŝtato.

B. Ketterling
prezidanto de Danzig'a Esperanto-Asocio,
Delegito de U.E.A.

---

# Pri la teknika religia vortaro

kies komencon laŭ manuskriptoj de nia estiminda samideano Pro J. Bianchini ni publikigas daŭrige en formo de' aldono al la noj de „E. K.", ni ricevis de la Akademiano Sro Grosjean-Maupin en St Maurice (Seine), Francujo, la direktoro de la Akademia sekcio por la komuna vortaro, kelkajn, certe komune interesajn, rimarkojn, kiujn ni laŭ konsento de Pro Bianchini, jene publikigas:

Respondante al via alvoko, mi sendas al vi kelkajn rimarkojn pri novaj radikoj proponitaj en la tre interesa kaj utila tehnika religia vortaro, kies verkadon vi entreprenis:

Abjuro. Tiu formo estas tute ne-akceptebla. Pro la jama ekzistado de la fundamenta samradika vorto ĵuri, oni nepre devas elekti la formon Abĵuro, ĉar estas tute necese, ke la lingvo internacia estu unuforma kaj

samtipa. Se diversaj formoj estas teorie egale akcepteblaj por iu radiko, oni ĉiufoje devas praktike elekti tiun, kiu estas plej konforma al la samradikaj aŭ samspecaj jam ekzistantaj en la lingvo formoj; ekz. abunda, harpuno, inundi, pronunci estas preferindaj je: abonda, harpono, inondi, prononci; (komparu: Anunciacio, denunci, frunto, fundo, fundamento, furunko, hirundo, profunda, punca, sekundo, trunko, unco, ungo); „konkiri" estas preferinda je „konkeri" pro la jam ekzistanta vorto „akiri"; „ŝvebi" estas pli bona ol „svebi" pro la samspecaj formoj: ŝveli, ŝviti.

Abstrao. Tute malbona kaj senutila formo. Efektive, la radiko abstrakt ekzistas jam en la I^a^ Oficiala Aldono, kaj oni jam de longe kutimas uzi la vortojn: abstrakta, abstrakti, abstraktado. Ĉar la abstraktado en teologia senco tute ne diferencas de la filozofia abstraktado, ĝi ne necesigas specialan novan radikon. Eĉ se tia speciala radiko estus necesa, ĝi devus esti ne: abstrao sed: abstraho, pro la jam akceptita kaj uzata formo „subtrahi".

Acidento. Formo tiel stranga kaj malbona kiel abstrao. Mi sufiĉe praktikis la filozofion kaj la skolastikon, por povi firme aserti, ke „accidens" en la teologia uzado esence aŭ funde ne diferencas de la filozofia sama vorto. Neniu filozofo, laŭ mia scio, trovis maltaŭga la filozofi-sencan uzadon de la komunlingva vorto devenanta el la latina vorto: accidens. Nu, ĉar la nura tia vorto ĝis nun uzita en la komuna lingvo estas la oficiala vorto „akcidenta" (II^a^ Of. Ald.), oni devas uzi en la filozofia kaj teologia lingvo la saman formon.

Efektive, mi supozas, ke neniu povas kontraŭbatali la jenan sekvindan principon:

„Se iu vorto de la komuna lingvo estas ankaŭ uzata de la teĥnika lingvo en sendiferenca aŭ malmulte diferenca senco, estas malutile, enkonduki novan fakan radikon apud la komunlingva radiko."

La formo „acidento" estus malkonsilinda esceptaĵo kaj izolaĵo, ĉar ĉiuj samspecaj radikoj transskribas la cc de la origina vorto per kc, ne per nura c; ekz.: akceli, akcepti, akcento, okcidento, sukcesi, vakcinio.

Adjuro. Sama rimarko kiel pri abjuro.

Afinito. Ĉu vi estas konvinkitaj, ke: afinito aŭ: affinis signifas ion alian aŭ plian ol „boparenco"?

Estas nepre necese por la bono de nia afero, ke ni ne multigu senutile la apartajn teĥnikajn vortojn. Tro multaj senutilaj oblaj vortoj embarasas kaj plimalfaciligas la naciajn lingvojn. La lingvo internacia, eĉ en sia teĥnika uzado, devas esti supera al la naciaj kaprice formitaj lingvoj, t. s. ke ĝi devas resti kiel eble plej simpla kaj facila. Certe estus multe pli simple, pli konvene kaj pli bele, uzi la puran latinan lingvon mem, ol krei novan, strangan, preskaŭ same malsimplan kaj malfacilan lingvon, formitan per nura transskribado de ĉiuj latinaj vortoj.

---

# Universala Kongreso por la tutmonda Katolikaro.

## De la 10^a^ ĝis la 14^a^ de Aŭgusto 1921 en Graz (Aŭstrujo-Stirio).

### IV. Komuniko.

Dato: Bonvolu bone noti la definitivan daton fiksitan laŭ deziroj de multaj samideanoj: **10^a^—14^a^ de Aŭgusto.**

Propagando: CAO presigis oficialajn invitojn por la kongreso en la lingvoj Angla, Franca, Germana, Itala kaj Hispana kaj treege petas samkredanojn, helpi per disvastigo inter la katolikaj rondoj ktp. CAO senpage sendos al ĉiu petinto ekzemplerojn.

Aliĝoj: 18. K. Wesely, Wien; 19. K. Willigens, Wien; 20. F. Krejl, Kjöbenhavn; 21. H. F. Pothast; 22. G. van Oijen; 23. F^ino^ Pothast, ĉiuj en Hago; 24. Prepozito Becker, Berlin; 25. F^ino^ Jedozejewska, Bromberg; 26. S^ino^ grafino Collins, Felden; 27. E. Probst, Bruchsal; 28. Deputato Marc Sangnier, Paris; 29. S^ino^ Klingenstein, Graz; 30. E. Piekorz, Graz; 31. M. Mielert, Breslau; 32. Gio Batta, nobile de Besi, Padova; 33. Prof. Kruczinski, Wloclawek; 34. A. Benković, Zagreb; 35. F^ino^ Benković, Zagreb; 36. A. Bárta, Proseĉ.

Garantia Fundo. Bedaŭre ĝis nun la garantiantoj estas tre malmultaj! Ni treege petas, garantii almenaŭ 12 Sm en nacia valuto. Nur, kiam la kongreso rezultigus deficiton, la garantiintoj estos petataj, pagi laŭproporcie.

Loĝado. Supoze, ke la valuto ne altiĝas, eksterlandaj kongres-partoprenantoj povos vivi en Aŭstrujo relative tre malmultekoste. La prezoj por manĝado estas tre diversaj; ĝenerale oni povas bone manĝi por proks. 150—250 Aŭstr. K^oj^ po tago, t. e. ekz. por Holandanoj proks. 1 Guldeno! Hotelĉambroj kostas proks. 50—100 Aŭstr. K^ojn^ po tago.

Adreso por ĉiuj prikongresaj aferoj kaj aliĝoj:
Loka Kongresa Komitato de la VII^a^, Graz (Aŭstrujo), Karmeliterpl. 5.

## Provizoro programo.

Merkrede, la 10^an^: Posttagmeze antaŭ-konferenco de la interesuloj pri la internacia katolika porpaca movado.

Ĵaŭde, la 11^an^: De la 8^a^ ĝis la 10^a^: Konferenco pri la internacia katolika junul-movado; saluto; paroladoj; diskuto. — De la 10½^a^ ĝis la 1^a^: Konferenco pri la internacia katolika kunlaborado; malfermo de la ĝenerala kunveno de „Ik^a^"; elekto de la komisionoj; paroladoj, diskuto. — De la 4^a^ ĝis la 7^a^: Konferenco pri la internacia katolika porpaca movado; saluto; paroladoj, diskuto.

Vendrede, la 12^an^: De la 8^a^ ĝis la 10^a^: Daŭrigo de la konferenco pri la internacia katolika junul-movado; ĝenerala kunveno de „Moka". — De la 10½^a^ ĝis la 1^a^: Daŭrigo de la internacia katolika porpaca konferenco; konstituo de internacia organizaĵo. — De la 4^a^ ĝis la 7^a^: Daŭrigo de la konferenco de „Ik^a^".

Sabate, la 13^an^: De la 8^a^ ĝis la 10^a^: Konferenco pri la internacia helplingvo-problemo; ĝenerala kunveno de IKUE. — De la 10½^a^ ĝis la 1^a^: Internacia katolika misio-konferenco (eksterlanda kaj enlanda misio). — De la 4^a^ ĝis la 7^a^ Daŭrigo de la konferenco de „Ik^a^".

Dimanĉe, la 14^an^: Je la 8^a^: Solena Diservo. — Je la 9^a^: Proponita ĝenerala kunveno de AKLE (Aŭstria katolika Ligo Esperantista). — Posttagmeze: Publika ferma kunsido de la konferenco de „Ik^a^"; ĝenerala kunveno kun paroladoj de ĉiulandanoj; amuzoj.

Ĉiutage je la 1ª kaj je la 7ª posttagmeze: Komuna manĝo (laŭdezire). Partoprenantoj bonvolu tuj sciigi sian emon por tiu. — Vespere: Personaj interparoloj kaj amuzoj.

Lunde, la 15ªⁿ: Komuna ekskurso en la Bärenschütz, unu el la plej romantikaj kluzoj en la kalkaj Alpoj.

## Temoj pritraktotaj dum la konferencoj.

Ĝis nun provizore estas proponitaj:

„Ika"-konferenco: La nuntempa situacio de la tutmonda katolikaro. — La internaciaj taskoj de la katolikoj. — La internacia organizo de la katolikoj.

Porpaca konferenco: La fundamentaj principoj kaj celoj de la katolika porpaca movado laŭ la programo de Lia Papa Moŝto. — La nuna situacio kaj la ŝancoj de la porpaca movado en la diversaj landoj. Kun raportoj el diversaj ŝtatoj. — La internacia kaj nacia organizo de la porpaca movado.

Junul-konferenco („Moka"): La celoj de la internacia katolika junul-movado. — La praktika labor-organizo de la katolika mondjunularo.

Mondhelplingva konferenco: La utiligo de la unueca mondhelplingvo por la internaciaj katolikaj interesoj.

Misia konferenco: La nuntempa katolika misio-movado: *a*) eksterlanda katolika misio; *b*) religie-sociala enlanda misio-movado.

## Aliaj konferencoj eble aranĝotaj

(gazetara, virina, ekonomia).

Programo sekvos.

Oratoroj: I. a. parolados laŭ ĝisnunaj sinanoncoj: S^ro deputato Marc Sangnier, Paris (Francujo); S^ro prof. Alberto Alessio (Italujo); S^ro prelato D^ro A. Giesswein, deputato (Hungarujo); P^ro A. Philippe (Belgujo); S^ro W. Lutkie (Nederlando); S^ro D^ro J. A. Metzger (Aŭstrujo); S^ro L. Kornilowicz (Polujo).

Oni petas, fari proponojn ĉiuspecajn, precipe ankaŭ pri temoj kaj pri oratoroj.

Partoprenontoj bonvolu anonci sin tuj, por ke oni prizorgu ĝustatempe por ili loĝejon, manĝon ktp.

* * *

**Provizora programo pri la ĉefaj kongres-aranĝoj.**

Ĝenerala kunsido de „Internacio Katolika".

Laŭ la decido de la Hag'a kongreso okazos en Graz ĝenerala kunsido de „Ika". Ĝia grava tasko estos definitiva fiksado de la internacia organiza formo, de la statuto kaj detala regularo, definitiva elekto de la estraro, detala pritrakto de la tuta problemo de internacia kunlaborado.

La oficiala invito kaj la tagordo estos publikigataj en la sekvonta numero.

### Konferenco de la katolika Esperantistaro kaj la ĝenerala kunsido de IKUE.

Provizore estas proponita jena tagordo: Ĝenerala kunsido, por decidi pri la restarigo kaj reorganizo de IKUE, plue, publika konferenco por pritrakti la problemon de la disvastigo de nia helplingvo inter la tutmonda katolikaro.

Ĝis nun oni proponis provizore jenajn temojn: Enkonduko de Esperanto en la katolikaj lernejoj, en pastro-seminarioj; la katolika gazetaro kaj Esperanto; la internaciaj katolikaj institucioj, organizoj kaj Esperanto.

Oni sendu proponojn! Samideanoj, intencantaj paroli pri la nomitaj aŭ similaj temoj, bonvolu tuj anonci sin!

### Internacia porpaca konferenco.

El la terura tutmonda milito pasinta devas naskiĝi nova mondordo. La politiko de perforto devas esti anstataŭata per leĝo ĉie valora kaj la justeco Kristana! Nia Papa Moŝto mem, la plej granda Kristana pacemulo, donis al ni la plej konvenan programon, enhavantan la principojn de vera paco.

Do, ni kore invitas ĉiujn pacemulojn katolikajn sen diferenco de lingvo aŭ nacio al partopreno en la Graz'a konferenco.

### La ĝisnunaj membroj de la internacia komitato.

Aŭstrujo: D^ro^ M. J. Metzger, Graz, ĉefsekr. de „Ika“, prel. D^ro^ Seipel, Wien, eksministro, deputato, prezidanto de la Kristana-sociala partio. — Belgujo: P^ro^ A. Philippe, Bruxelles, prezidanto de la „Apostola Ligo“. — Britujo: S^ro^ Francis Albino, London, prezidanto de la Internacia Ligo Porpaca. — Bulgarujo: S^ro^ Varĉo Jovĉev, Kaŝlite. — Francujo: S^ro^ J. Rödel, Bordeaux, industriisto; S^ro^ J. A. Muffang, Bourg-la-Reine. — Germanujo: P^ro^ M. Jochom, afergvidanto de la katolika porpaca unuiĝo Germana. — Hispanujo: P^ro^ Mariano Mojado, Madrid. — Hungarujo: prel. D^ro^ A. Giesswein, Budapest, parlamentano. — Italujo: S^ro^ Gio Batta, nobile de Besi, Padova; prof. P^ro^ Carolfi, Cortemaggiore. — Polujo: Prof. D^ro^ J. Kruczinski, Wloclawek; P^ro^ L. Kornilowicz, Warszawa. — Svisujo: S^ro^ V. Arnold, Zug.

### Provizora tagordo:

1. La fundamentaj principoj kaj celoj de la katolika porpaca movado laŭ la programo de Lia Papa Moŝto.
2. Raportoj pri la movado en la diversaj ŝtatoj.
3. La internacia organizo de la katolika porpaca movado kaj ties konstitucio.
4. Taskoj de praktika katolika porpaca movado.
5. La pozicio de Lia Papa Moŝto en la Ligo de la Nacioj.

Oni faru proponojn! Oni sciigu pri tiu konferenco en la tutmonda gazetaro katolika.

### Konferenco por la katolika misio enlanda.

Tiu konferenco celas, ebligi precipe interrilatiĝon de personoj interesiĝantaj pri praktika religie-sociala laboro, por interŝanĝi siajn spertojn kaj

opiniojn. Oni intencas, pripensigi ĉefe jenajn problemojn: La laika helpservo en la moderna poranima prizorgo, precipe en grandaj urboj; la praktika eduko por religia-sociala apostolato; la internaciaj taskoj de la katolikoj kontraŭ la internacia framasonaro kaj socialismo k. s.

Oni faru pluajn proponojn! Interesiĝantoj, kiuj emas akcepti referaton pri tiuj aŭ similaj temoj, anoncu sin tuj!

Konferenco por la katolika sobrula kaj abstinenca movado.

Oni esprimis la deziron, aranĝi tiuspecan konferencon, por pritrakti la eblecon de kunlaborado por tiu movado, precipe, por eble revivigi la internacian komitaton de abstinencaj pastroj. Samideanoj, anoncu vin tuj! Faru proponojn!

Sciigoj pri aliaj fakaj konferencoj eble aranĝotaj (precipe la gazetara, virina, ekonomia konferenco) sekvos en la venonta numero.

Ĉiujn dezirojn kaj proponojn koncernantajn la kongreson oni sendu plej baldaŭ al la prepara komitato en Graz, Karmeliterpl. 5.

---

# XIII. Universala Kongreso de Esperanto de la 31. Julio ĝis la 6. Aŭgusto 1921 en Praha, Ĉeĥoslovakujo.

## VIII. Komuniko.

Kotizo: Aliĝu antaŭ la 1a de Junio kaj sendu baldaŭ la kotizaĵojn (vidu la VIIan komunikon!) per propraŝtataj banknotoj en rekomendita letero al la ĝenerala sekretario.

Aliĝoj: Ĝis Aprilo 405.

Prezoj de la biletoj por fervojlinioj. Praha-Sob-Budapest: II. klaso 168 Kĉ + 106 Kh III. kl. 84. Kĉ + 73 Kh. — Praha-Cmunt (Gmünd)-Wien-Graz: II. klaso /84, 80 Kĉ + 183.60 K aŭstr., 248.40 K aŭ. III. klaso: 42.20 Kĉ + 91.80 K aŭ. — Praha-Cheb (Eger)-Kufstein-Brenner-Trento: II. kl. 97.60 Kĉ + 110 M + 183.60 K aŭstr. + 35.80 L. — III. kl. 48.80 Kĉ + 67 M + 64.80 K aŭ. + 18.90 L. — Praha-Spielfeld-Beograd: II. kl. 97.20 Kĉ + 399.80 K aŭ. + 226.50 D. III. kl. 48.80 Kĉ + 199.80 K aŭ. + 113.25 D. — Spielfeld-Longatico-Trieste: II kl. 79.50 D. + 26.45 L. III. kl. 39.75 D. + 14.10 L. — Brenner-Roma: II. kl. 137.60 L III. kl. 71.30 L. — Brenner-Genova: II. kl. 106.25 L. III. kl. 55.20 Liroj. — Praha-Cheb-Appenweier-Bassel-Bern: II. kl. 179.28 M + 11 Fr. sv. III. kl. 111.30 M + 7.30 Fr. sv. — Praha-Strassburg-Lyon: II. kl. 77. Fr. + 35.80 Fr. III. kl. 47 Fr. + 22.75 Fr. — Praha-Paris II. kl. 381.15 Fr. III. kl. 135 Fr. — Praha-Děčín (Tetschen)-Aachen-Brüssel: II. kl. 68.80 Kĉ + 211.20 M + 17 Fr. III. kl. 34.40 Kĉ + 126 M. + 10 Fr. — Praha-Děčín-Salzbergen-Amsterdam: II. kl 68.80 Kĉ + 172.60 M. + 10.40 n. g. III kl. 34.40 Kĉ. + 102.40 M. + 6.30 n. g. — Praha-Berlin-Hamburg: II. kl. 68.80 Kĉ. + 145 M. III. kl. 34.40 Kĉ + 89 M. — Praha-Boxtel-London: II. kl. 68.80 Kĉ. + 194.40 M. + 37.50 n. g. III. kl. 34.40 Kĉ. + 115.70 M. + 33.20 n. g. — London-Calais-Strassburg-Cheb-Praha: Orient express: I. kl. 561 Fr. aŭ., 14 20 L. — Praha-Berlin-Rostock (Kopenhago): II. kl. 68.80 Kĉ. + 77 M. + 54 M. III. kl. 34.40 Kĉ. + 45 M. + 31.80 M. — Praha-Sassnitz-Warnemünde (Stockholm): II. kl. 68.80 Kĉ +

87.60 M + 85.20 M. III. kl. 34.40 Kč. + 87.60 M. + 85.20 M. — Praha-Leipzig-Frankfurt: II. kl. 68.80 Kč. + 50.80 M. + 93 M. III. kl. 34.40 Kĉ + 30.40 M. + 55.80 M. — Praha-Strassburg-Paris-Narbonne-Perignan (Barcelona): II. kl. 77 Fr. + 71 Fr. + 139.20 Fr. + 8.90 Fr. III. kl. 47 Fr. + 45 Fr. + 88.55 Fr. + 5.65 Fr.

Pasportoj: Por al- kaj reveturo de eksterlandanoj pasporto estas necesa, pretigita, de la policestrejo aŭ alia kompetenta ŝtata ofico, vizita de la Ĉehoslovakuja ambasadorejo aŭ konsulejo kaj de la konsuloj de ĉiuj traveturotaj ŝtatoj.

El la komitato eksiĝis S[ro] Bouška.

Adreso por aliĝoj kaj prikongresa korespondado, kun respondkupono aŭ afranko en ne uzitaj naciaj poŝtmarkoj por respondo: Aug. Pitlik, Praha III., Nerudova 40.

---

# Postkongresa vojaĝo post la XIII[a].

La „Ligo de Germanaj Esp.-societoj en Ĉeĥoslovakujo" aranĝos post la XIII[a] en Praha postkongresan vojaĝon tra la mondkonataj banlokoj kaj la vidindaj pejzaĝoj kaj urboj de l' norda Bohemujo. La vojaĝo estos agrabla daŭrigo de la kongreso kaj la partoprenantoj helpos, propagandi nian movadon en tiuj regionoj.

La vojaĝantoj estos kondukataj tra la ferindustria urbo Plzeň, la konata ban-urbo Marienbad, Eger (malnova historia pro Wallenstein urbo) al la banloko Franzensbad, kie oni starigis la unuan Esperanto-monumenton en la mondo. Veturo al Karlsbad (mondkonata urbo kun belega ĉirkaŭaĵo), ekskurso al Joachimstal (radium-minejoj kaj radium-banoj tre interesaj por kuracistoj), Saaz (mondkonata lupol-komerco), Teplitz (banloko), Leitmeritz, Komenco de ŝipveturado tra la belega Elbe-valo ĝis Herrnkretschen, ekskurso al la „Bohemuja Svisujo", Tetschen-Bodenbach (komerca kaj industria lim-urbo), Reichenberg (industria kaj komerca centro de la nord-Bohemuja industrio); vizito de la II[a] Internacia Foiro en Reichenberg, 13[a] — 21[a] de Aŭgusto, oficiala postkongreso de la Ligo kaj solena finiĝo de la vojaĝo kun ekskursoj en la belegan ĉirkaŭaĵon de Reichenberg.

La vojaĝ-elspezoj por fervojo kaj ŝipo estas 150 Kĉ. Oni esperas ricevi rabaton de la ministerio.

Detaloj pri la vojaĝoj aperos en la gazeto „La Marto". Krom tio specialaj presaĵoj, priskribantaj la tutan vojaĝon, estos dissendataj.

Aliĝojn bonvolu sendi al: S[ro] kapitano Franz Beran, Leitmeritz, Lange Str. 23, sekretario de la postkongresa vojaĝo-komitato (P. V. K.) kun respondkupono aŭ naciaj poŝtmarkoj por respondoj.

Tiu vojaĝo servu al nia Esperanto-movado, por pligrandigi ĝin en niaj regionoj; tial ni petas vin, bonvolu kunhelpi!

Samideane salutas

| | |
|---|---|
| Postkongresa vojaĝ-komitato: | Ligo de Germanaj Esp.-societoj: |
| sekretario | la prezidanto |
| F. Beran. | Inĝ. G. Scholze. |

---

# La Problemo de Lingvo Tutmonda kaj Historio de la Katolika Esperanto-Movado.

(Daŭrigo.)

Fine, multaj katolikoj atentigis, ke liberpensuloj, framasonoj kaj socialistoj fervorege klopodis por Esperanto, por malutili al la Eklezio. Sed neniu ankoraŭ povis argumenti senmanke la ĝustecon de tia supozo. Ankaŭ la fakto, ke la framasonoj dum la Universala Kongreso de Esperantistoj en Bern (1913) fondis la „Universalan Framasonan Asocion“ kaj deklaris Esperanton kiel ties oficialan lingvon internacian [41]), ne pravigas tiun opinion de trozorgaj katolikoj. La malnova aserto, ke Esperanto estas nur ilo de la framasonoj, kredeble estas kaŭzita de tio, ke la framasonoj, sekvante — ja pli konsekvence — la ekzemplon de la katolikoj, uzadis pli praktike Esperanton kaj fondis dum la Unua Kongreso Esperantista en Boulogne (1905) asocion „Espero Framasona“, kiu celas: 1e kunigi la diverslandajn framasonojn Esperantistajn; 2e altiri Esperantistojn al la framasonaro kaj reciproke framasonojn al Esperanto; 3e forigi malkonsentojn kaj antaŭjuĝojn inter la diversnaciaj framasonoj, dank' al la scio de Esperanto. [42])

Jam pli ol unu fojon kleraj viroj — pastroj kaj laikoj — rifutis la ankaŭ per gravaj gazetoj politikaj kaj katolikaj diskonigitan legendon, „ke lingvo internacia estas kontraŭ la instruo Biblia kaj katolika“ [43]) aŭ, „ke Esperanto estas speco de tuthoma religio kun dogmoj, koncilioj, indekso, papo ktp. [44])

Kiam dum la jaro 1907 okazis en Paris katolika kongreso „Jeanne d'Arc“, kelkaj ĵurnaloj publikigis raporton, en kiu oni legis: „Kongresanino petas, ke Esperanto fariĝu la lingvo de estontaj kongresoj internaciaj de katolikoj. La episkopo Mro Foucault tiam decidis, ke Esperantismo estas entrepreno el framasona inspiro, kiu rifuzigas proponon. Tuj, kiam la pastro Peltier eksciis pri tiu informo, li skribis al Mro Foucault, dirante, ke certe lia bonfido estis trompata de tiuj, kiuj liveris al li informojn pri Esperanto. Li ne dubis, ke Lia Episkopa Moŝto sendos al li respondon klarigan, por detrui la tre malbonan impreson kaŭzitan de tiu decido en la katolika Esperantistaro.

Efektive, tre afable respondante al Peltier, Mro Foucault skribis: „Mi tute konfesas, ke la lingvo Esperanto estas nur ilo, kiu povas utili same por vero kaj malvero.“ Per tiuj vortoj Mro Foucault plene proklamis la neŭtralecon de Esperanto kaj malaperigis la malfavoran impreson de la supre citita frazo parolita dum la kongreso „Jeanne d'Arc“. [45])

Prave skribis Pro Austin Richardson, por rifuti tiun saman antaŭjuĝon kontraŭ Esperanto: „La vera stato de la afero estas

tiel klara, tiel evidenta, ke ĉiu Esperantisto ĝin komprenos sen iu klarigo. Efektive, Esperanto estas lingvo, nur lingvo. Ĝi estas lingvo tiel facila, tiel simpla, kaj samtempe tiel klara kaj logika, ke iu ajn homo je normala intelekto povas ĝin lerni kaj uzadi post unu aŭ du monatoj de studado. Do, kompreneble, ĉiu societo aŭ aro da homoj, kiu celas internaciajn rilatojn, ĉu tiu celo estas bona ĉu malbona, volonte kaj nature servigas al si Esperanton. Ne estas do dube, ke la framasonaro, sekto, kiu havas anojn en ĉiu lando, uzas kaj uzos pli kaj pli Esperanton sammaniere, kiel ĝi uzas la presaron, la literaturon kaj aliajn rimedojn neŭtralajn, serveblajn indiferente por la bono aŭ por la malbono.

Sed, kio estas la konkludo el tio, evidenta al ĉiu posedanta eĉ la plej ordinaran inteligentecon? Jen tiu konkludo: Ĉar Esperanto potence povas helpi la malamikojn de nia sankta religio, estus ne nur stulteco, sed eĉ krimo, lasi tian armilon ekskluzive al iliaj manoj. Male, nia devo estas, uzi Esperanton tiel, kiel ni jam de longatempe uzas la presaron, la arton, la literaturon ktp., por defendi la Eklezion de Kristo kontraŭ la atakoj de ĝiaj malamikoj.[46]) „Vigla katolika kontraŭ-movado estas la unusola ĝusta respondo, se estas ĝusta la opinio de tiuj, kiuj deklaras, ke la framasonoj uzas Esperanton, por malutili al la sankta katolika Eklezio. Tiu ĉi kontraŭ-movado sin esprimas per la arda deziro de la katolikaj Esperantistoj, havigi plej eble rapide la venkon al la granda, sub la protektado de Romo evoluiĝanta tutmonda unuiĝo, instrui kaj disvastigi Esperanton kiel kongreslingvon kaj ligilon inter la katolikoj de ĉiuj landoj.[47]).

---

[41]) Dr. Friedrich Wichtl, Weltfreimaurerei, Weltrevolution, Weltrepublik (Universala framasonaro, Univ. revolucio, Univ. respubliko). Wien-München 1919, paĝ. 8a. — [42]) Deklaracioj de „Esp. Fram." en „Germana Esperantisto", represitaj en „Espero Katolika" 1905/6, no 23. — [43]) El artikolo publikigita de Sro Arthur Loth kontraŭ Esperanto en L' Univers 1907. — Esp. Kat. 1906/7, no 34. — [44]) El artikolo verkita de Idisto en „De Tijd" 1912, por forturni de Esperanto la katolikajn legantojn. Esp. kat. 1913, no 97. — [45]) Esp. Kat. 1906/7, no 40. — [46]) El la artikolo de A. Richardson: „Esperanto kaj la Framasonaro". Esp. Kat. 1913, no 97. — [47]) El la artikolo „Kongresoj" de Sro M. Mielert en „Schlesische Volkszeitung", 5. de Jan. 1918. — Kiel rifuto de la legendo, ke Esperanto estas nur ilo de framasonoj, certe estis intencita ankaŭ la artikolo de Sro C. Bourlet: „De Paris à Rome par Gand, Stuttgart, Bern et Milan" (priskribo de internacia katolika pilgrimo Roma'n en „Paris-Esperanto", Junio 1913. — Bedaŭrinde tiuj rifutoj estas nekonataj en katolikaj rondoj; tiel same oni scias nenion pri la propono farita dum la 3a internacia katolika Esperanto-Kongreso en Budapest (1912): fondi specialan „Anti-Framasonan Ligon" internacian kaj tutmondan, kiu kunlaborus kun la „Ligue Antimaçonnique Belge" por defendo kontraŭ la tutmonda malpia framasona sekto.

# Akcia Societo „Espero Katolika“. Oficiala komuniko.

Al la Akciuloj de „Espero Katolika“.

Estimataj Gesinjoroj!

Dum tiu ĉi jaro la katolika kongreso okazos en Graz. Laŭ art. 19 de niaj statutoj dum tiu kongreso ankaŭ okazos la ĝenerala kunveno de la akciuloj de E. K., kies precizan daton kaj lokon ni poste komunikos.

Ĉiuj akciuloj, kiuj havas proponojn por tiu kunveno, bonvolu ilin sciigi antaŭ la 1ª de Junio al la ĉi suba adreso, por ke ni fiksu la agendon en kunveno de la direktoroj kaj komisaroj, kiu okazos dum Junio.

Ni memorigas la akciulojn pri art. 23 de la statutoj, laŭ kiu proponoj, ne aperantaj sur la agendo, ne povas esti pritraktataj.

La Prezidant-Komisaro de E. K.

Deurne (Nederlando). P. A. Schendeler.

---

# Sciindaĵoj

**Prelato Dambrauskas jubileulo.** Kun Tomo Zvilinskis, pedagogo; Johano Jablonskis, filologo; Paŭlo Matulionis, arbarsciencisto, kaj pastro Tumo Vaizganto, verkisto, jubileas en Litovujo dum la nuna jaro ankaŭ la prelato Aleksandro Dambrauskas (Dombrovski) kaj inter la Litovoj tre ŝatata, de la tutmonda katolika Esperantistaro fame konata sub la pseŭdonimo Adamo Jakŝtas. La poeziaĵoj kaj artikoloj de „Jakŝtas“ ravas ĉiujn litovojn, same kiel tiuj de Dombrovski la Esperantujanojn. Li bataladis kaj bataladas por nia kara ideo jam de multe da jaroj. Tial ankaŭ la Esperantistoj — kaj ne nur katolikaj — ĉiulandaj uzos la okazon de la 60jarajubileo de tiu fervorega pioniro de nia kara lingvo, por laŭte voki al li:

Ad multos annos! al vi, grandviro,
Kaj ankaŭ al via patruj',
Ĉar Litovujo per via liro
Kreskas kaj ankaŭ Esperantuj'
Esperantanoj kun Litovujo
Plektas laŭrokronon al vi
Kaj kun Litovoj Esperantujo
Laŭdon kantados sincere al vi!

K. V—s, Philadelphia.

**Dro Urbano Piscini** en Rom, 4, Via Collegio Capranica, kunfondinto de Rom'a Instituto de Esperanto, amiko de „Espero Katolika“, edziĝis kun Maddalena Rosi la 11an de Aprilo en la preĝejo Sta Mario de la anĝeloj. Kardo Gasparri benis la geedzojn, kiujn ni elkore gratulas, dezirante al ili sincere ĉian feliĉon kaj benon.

**Hildegard Weber**, la sekretariino de la Graz'a katolika kongreso internacia (Nia VIIa ) mortis la 10an de Aprilo. Fervorega samideanino ŝi estis, kiu senlace laboris por nia afero. La kruela morto forrabis unu el niaj plej bonaj neforgeseblaj pioniroj de la Esperanta kaj la katolika afero. Dio donu al ŝi ripozon eternan!

S^ro^ E. Schulz, kalkul-konsil., ŝatata „E. K."-ano en Supra Silezujo, Bad Ziegenhals, Marienfried, mortis. La bona Dio donu al li eternan ripozon.

**Kongreso de Ĉeĥoslovaka katolika studentaro** okazos en Praha la 10an de Julio. La kongres-komitato invitas reprezentantojn kaj delegitojn de katolikaj studentaj organizaĵoj el ĉiuj ŝtatoj. Adreso: Centrejo de katolika studentaro Ĉeĥoslovaka en Praha II, Voršilská 1.

**Probatalanto katolika de abstinenco.** Inter la Litovoj en la Unuiĝintaj ŝtatoj Nord-Amerikaj estas granda batalanto por abstinenco la katolika pastro Petro Saurusaitis, sacerdoto jam de 25 jaroj. K. V—s.

**Katoliko-kunvenoj en Lyon** (Francujo) okazis kun bona sukceso, nome eparĥiana, plua de laboristoj kaj tria de viroj kaj junuloj por studado de moralaj, religiaj kaj sociaj demandoj (cercle d'études). La eparĥianan kunvenon prezidis la ĉefepiskopo en Lyon, kard. Maurin. Pri religia instruado raportis Sroj kanonikoj Gailland kaj Vianey, pastroj Mury kaj Desloires, advokatoj Jacquier kaj Prenat, deputato Guibal, plue Lavallée kaj Magnin. Aliaj raportoj dum la tritaga kunsido koncernis la virino-movadon (oeuvres féminines) kaj tiun de viroj kaj junuloj, profesian kaj agrikulturan instruadon kaj korpan edukadon. Klarigoj pri la Ligo por la rajtoj de la katolikoj, pri ĝia celo, ĝiaj ĝisnunaj sukcesoj kaj ĝiaj povoj estis donataj. La episkopo de Châlons, Msro Tissier, predikis en la katedralo Sta Johano pri la unuiĝo de la katolikaj klopodoj, unuiĝo kun Kristo kaj obeo al Liaj reprezentantoj, la spiritaj ĉefoj de la eparĥioj. Ni ne restu ne agemaj aŭ izolaj sed influu per nia agado la publikan opinion: tio estas taŭga rimedo, por unuigi la homojn en vera „frateco en Kristo". Miloj aŭskultis liajn edifantajn vortojn. — En „cercle d'études" — katolikaj viroj kaj junuloj en ĉiu paroĥo en tiu regiono de Francujo, almenaŭ en la urboj, kunvenas ĉiusemajne, por aŭskulti paroladojn pri diversaj temoj moralaj, religiaj kaj sociaj — parolis ankaŭ nia samideano en Lyon, Sro J. Bertrand, pri Esperanto.

**Instituto de Sociografio** en Fortaleza Ceará (Brazila respubliko) estas societo por instruado de la sociaj sciencoj per Esperanto. Interesuloj povas turni sin al Pro M. Caminha en la supre nomita urbo Fortaleza, Bd Nogueira Accioly.

**La Litova katolika laborist-organizaĵo en Norda Ameriko** eldonis dum la nuna jaro belan grandan almanaĥon kaŭze de ĝia 5 jara ekzisto. La kalendaro povas esti ankaŭ karaĵo por Esperantistoj, ĉar en ĝi troviĝas artikoleto pri Esperanto, portretoj de Dro Zamenhof kaj de propagandanto de Esperanto inter Litovoj en Norda Ameriko, K. Vidikauskas „E. K." - ano, kaj poeziaĵo: „Zvalia Veliava" — „Verda Standardo". Jen ĝia traduko: „Kun stel' espera verda standardo — Flirtas nun ofte fiere, — Tiu emblemo de avangardo — Semanta amon espere. — Ĝi estas signo de Esperanto, — Helplingvo de l' tuta tero; — Kiu fariĝos triumfanto — En sfer' de kultur' kaj de vero. — Sub la standard' Esperantanoj — Fratigas tutan la homaron. — Deziras, ke la homaranoj — Nur havu homgentaron, — Penadas, ke la tuta mondo — Fariĝu bela ja Edeno. — Kaj la homaro frata rondo — Kaj ĉie regu bonkompreno — Ideo ne pereos tia, — Esperantanoj ja konkiros — Obstinan mondon; regno Dia — Triumfe baldaŭ ĝin aliros!" — La almanaĥo kostas 25 Amer. cendojn, mendebla ĉe: „Darbininkas", 366 W., Broadway, Boston 27, Mass. Usono.

**Centrejo por tutmonda trafiko** estas fondita en Düsseldorf, Germanujo, por prezenti konstante en aparta palaca konstruaĵo specimenojn el ĉiuj industrioj. La estraro intencas utiligi la servojn de tieaj Esperantistoj, kiuj petas alsendon de nacilingvaj presaĵoj tiucelaj al Schriftstellerhaus (Presse- u. Handelshof, GmbH.) Düsseldorf.

**Die katholische Internationale.** De Dro M. J. Metzger, ĝen. sekr. de „Ika". Al Germanaj katolikoj sin turnas la ĉef-direktoro de Ikaco per tiu ĉi broŝuro Germanlingva, por klarigi al ili la celon kaj la organizon de nia

„Ika" kaj instigi ilin al partopreno en niaj laboroj ampleksantaj la tutan terglobon. Oni donu tiun traktaĵon mendeblan ĉe Paulus-eldonejo en Graz (Aŭstrujo, Stirlando), Karmeliterpl. 5, en la manojn de ĉiu laboranto en iu ajn katolika movado (laborista, studenta, virina, porpaca k. a.)

**Manifesto** de la „defenda Ligo por teritoria unueco de Hungarlando" al la Esperantistoj de la mondo! estas titolita flugfolio politika, eldonata de HES (Hungara Esperanto-Servo), mendebla ĉe Sro P. Balkányi en Budapest (Hungarujo), Hajós u. 15, II.

**Por la rajto de German-Aŭstrujo.** Eldonejo-Wallishausser, Wien I. Lichtensteg 1, prezo 1 K. — En tiu broŝureto alilandanoj, kiujn interesas la politikaj demandoj koncernantaj la posedrajton de German-Aŭstrujo je teritorioj postulitaj de najbaraj ŝtatoj, trovas Esperantlinge priparolitajn tiujn pridisputitajn demandojn.

**Anglalingvaj propagando-folioj:** Which shall it be? Esperanto, the league of nations. — The problem of an international language. Lerte verkitaj kaj disvastigataj de British Esperanto Association, 17, Hart street, London, W. C. 1.

---

# Kroniko.

**Aŭstrujo.** La kata unuiĝo Esperantista en Wien aranĝis dum la pasinta vintro ses kursojn por kataj geinstruistoj, studentoj, oficistoj k. a. 40 el la partoprenintoj anoncis sin kiel eksterordinaraj lernantoj en la Teknika Altlernejo. kie Sro Schamanek, la tre fervora propagandisto inter katolikoj, estas „lektoro" de Esperanto. La kursoj por komencantoj estas daŭrigataj kiel kursoj perfektigaj. En la unuiĝo nun ekzistas grupoj teatra kaj muzika, kiuj aranĝas amuz-vesperojn. Dum la somero okazos ekskursoj propagandaj en la ĉirkaŭon de Wien. Ĉiuvendrede estas de la 5a ĝis la 7a konversacia kunveno en la sekretariejo, I., Kleeblattgasse 7, II, kiu ĉiutage estas malfermita kaj kie oni povas ricevi ĉiajn informojn pri la Esperanto-movado. — La Esperanto-Societo „Por alta celo" en Graz progresas kaj aranĝis elementan ekzamenon, kiun partoprenis 20 membroj. La grupo havas multajn eksterurbajn membrojn kaj esperas, baldaŭ povi fondi katajn Esperantajn rondojn.

**Ĉeĥoslovakujo.** En Praha-Žižkov kurso de Esperanto por katolikoj estas malfermita.

**Francujo.** En Lyon Sro Cherblanc, la sekr. de la Komerca Ĉambro en Tarare (Rhône), paroladis, estante malnova vigla Esperantisto, pri Esperanto en Nice, Avignon, Valence, Lyon, kie ĉie tuj lokaj Esperantistoj aranĝis kunvenojn, por propagandi Esperanton, petante por tio lian multvaloran helpon. Li esperas, ke tiaj publikaj kunvenoj por diskonigo de nia paciga ilo estos aranĝeblaj ĉiujare.

**Italujo.** La Italuja Unuiĝo de katolikaj Esperantistoj prosperas; en ĉiuj ĉefaj urboj de la ŝtato jam ekzistas delegitoj. La sidejo de la Unuiĝo estas ĉe la prezidanto, Sro prof. K. Grazzini, 6, Via dei Neri, Firenze 18. Propagandaj paroladoj pri Esperanto kaj „Ika" estas aranĝataj en Genova (Sro prof. Carolfi), Milano (Sro prof. Alessio), Firenze (Sro prof. Grazzini), Padova, Potenza k. a. Okaze de kurso pri Esperanto en Firenze la grava tiea ĵurnalo „L' Unità Cattolica" invitis katolikojn, lerni la tutmondan helplingvon. Ĉiuj katolikaj Italaj Esperantistoj estas invitataj, aliĝi al la Italuja Unuiĝo de katolikaj Esperantistoj, anoncante sin ĉe la prezidanto laŭ la supra adreso. — La kata Esperanta grupo en Pisa, unu el la unuaj kataj Espo - grupoj en Italujo, elektis kiel prezidanton Sron prof. E. Violi, P. S. Caterina 4; vic-prez. kaj sekr. estas Sro A. Bartoloni, Via S. Agostino 29; kasisto: Sro S. Samek; konsilantoj:

Sroj S. Spinelli, V. Garzoglio kaj S. Malenotti. Ĉio rilatanta la grupon estu sendata al la sekretario. La grupo decidis aniĝi al la Unione Esperantista Cattolici d'Italia (UECI) kaj jam estas partoprenanta en la unuiĝo de la katolikaj rondoj de Pisa. Oni ankaŭ decidis, partopreni en la venonta kunveno de la regionaj Esperantistoj en Pisa. G.

**Rumanujo.** La episkopo de Transilvanujo (nova, pli frue Hungaruja, parto de Rumanujo) aliĝis al „Ika", kaj en la kataj mezgradaj lernejoj Esperanto-kursoj estas aranĝataj.

---

# Petoj kaj Demandoj.

**Instruistoj** ĉiulandaj estas petataj de Sro W. H. Mook en Groningen (Nederlando), Kloosterstr. 29, komuniki la en ilia lando pagatajn al instruistoj kaj instruistinoj salajrojn.

**Korespondi** kun ĉiulandaj anoj de junul-movadoj deziras per ilustr. aŭ ordinaraj poŝtkartoj aŭ per leteroj F. Ferber, stud. ĥem., Mannheim, D. 7. 14 (Germanujo), ano de „Quickborn" (Kvikborn), katolika junul-movado en Germanujo.

**Korespondi** kaj **interŝanĝi poŝtmarkojn** deziras Alfredo grafo de Strachwitz en Wien (Aŭstrujo), XVIII. Scheidlstr. 2, kun ĉiulandanoj.

---

# Literaturo, Muziko kaj Arto.

**K. J. Loy:** Mehrsinnige deutsche Wörter in Esperanto (Homonimaj Germanlingvaj vortoj en Esperanto. Klarigitaj per ekzercaj frazoj.) Deutsche Esperanto-Bücherei Nr. 3 (Germanlingva Esperanto-libraro no 3). Esperanto-eldonejo F. Ellersiek, Berlin. Prezo 5 Mkoj kun 20% plikariĝo. — Tre valora por Germanaj adeptoj verketo, enhavanta 300 Germanlingvajn vortojn plursencajn kun ĝustaj iliaj tradukoj Esperantlingvaj en simplaj kompletaj frazoj. Tiu metodo ŝajnas imitinda ankaŭ por aliaj naciaj lingvoj, en kiuj same ekzistas multaj homonimoj ne facile distingeblaj por taŭga traduko per komencantoj en Esperanto. Ne al ĉiu eble plaĉos neologismoj, ekz: uzuro anstataŭ procentegemo k. a. Sed entute la zorge verkita kaj eldonita libreto kun teksto kolektita el la kajeroj de „Esperanto Praktiko" 1919 kaj 1920 estas rekomendinda al Germanlingvaj amikoj de la Zamenhofa lingvo.

**Faka Vortaro Nr. 2.** Terminoj uzataj en la komerco pri peltoj. Provizora eldono. — Post la Terminoj, uzataj en la fabrikado de ombreloj (Faka Vortaro Nr. 1) la Brita Literatura kaj Debata Societo prezentis nun jam duan fakan vortaron kiel modelo por tiaj, anoncante, ke pluaj (por la bot- kaj ŝu-industrio kaj pri teksaĵoj kaj vestaĵoj) estas preparataj. Kiu volas kunhelpi, estante faka spertulo alilanda, bonvolu interrilati kun Sro C. H. Edmonds, „Rockwood", High Road, Wembley, Britujo. La prezo de la vortaro estas 1 respondkupono.

**La nuntempa Esperanta gazetaro.** Ni ricevas, pli malpli regule, jenajn nuntempe ekzistantajn Esperantajn gazetojn: La Suda Kruco. Organo de la Aŭstraliaj Esperantistoj. Melbourne (Aŭstralio), Box 1367, Elizabeth-str. P.O. 12 noj 24 resp. kupoj. — Informoj. Danziga Esperanto-Asocio. Danzig (Danziga respubl.) Stadtgraben 5. — La Semisto. Eldono de Esperantista societo „Aplech". Sabadell (Hispanujo), Mendizábal 3. — Kataluna Esperantisto. Monata Esperanta gazeto. Oficiala organo de Kataluna Esperantista Federacio, Barcelona (Hispanujo), Carme 30. 5 Pesetoj. — Laboro. Monata organo de Portugala Laborista Esperanto-Federacio. Lisboa (Portugalujo), R. Antónia Maria Cardoso 20. 16 resp.-kupoj. —

Amerika Esperantisto. Official organ of the Esperanto-Association of North Amerika. West Newton (USA) Mass. 1 Dollar. — *Kristana Espero. Dumonata Kristana revuo. Provizora organo de „Kristana Esperantista Ligo". Laihia (Finnlando). 25 resp.-kupoj. — Esperanto-Praktiko. Monata gazeto por perfektigo en la lingvo internacia. Esperanto-eldonejo F. Ellersiek, Berlin (Germanujo) S 59, Wissmannstr. 46. 12—18 Mkoj. — Blanka Kruco. Oficiala organo de Germana Ligo de katolikaj Esperantistoj kaj de Aŭstruja katolika Ligo Esperantista. Eldonejo Volksheil, Graz (Aŭstrujo-Stirlando) Karmeliterpl. 5. — *Esperanta Finnlando. Organo de Esperanto-movado en Finnlando. (Monata ilustr.) Helsinki (Finnlando) Uudenmaank. 10. 33 Finnl. Mkoj. — *Hungara Esperantisto. Oficiala organo de la Hungarlanda Esperanta Societo kaj de la Hungara Propaganda Komitato por Esperanto. (Monata.) Szeged (Hungarujo) Szentháromság u. 30. 1 Svisa Fko. Germana Esperantisto. Monata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto. Oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio (G.E.A.) kaj de aliaj Esperantistaj unuiĝoj. Dresden 1 (Germanujo-Saksujo) Struvestr. 40. 15—20 Mkoj. The British Esperantist. The official organ of the British Esperanto Association. London W. C. 1 (Britujo), Hartstreet 17. 36 resp.-kupoj. — Franca Esperantisto. Monata organo de la Francaj Esperantistoj (S.F.P.E. kaj Pariza Grupo). Esperantista Centra Librejo, Paris IXème (Francujo), 51, rue de Clichy. 10 Fkoj. — *Oficiala Gazeto Esperantista Organo de la Lingva Komitato, de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, de la Esperantista Centra Oficejo kaj de la Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj. Paris IXème (Francujo) 51, rue de Clichy. 6 noj 10 Fkoj. — Nederland-Esperanto. Orgaan ter verbreiding van de Wereldhulptaal Esperanto in Nederland. Zutfen (Nederlando), Spitaalstr. 3 (Ĉiusemajna). $^1/_4$j. 0·60 Hol. Guld. — L'Esperanto. Internacia monata revuo sub patronado de la Itala Katedro de Esperanto. S. Vito al Tagliamento (Italujo) Div. prezoj. — *La Unuigita Tuthomaro. Bahai-eldonejo. Hamburg (Germanujo) 35. — Argentina Esperantisto. Oficiala organo de Argentina Esperanto-Asocio. Buenos Aires (Argentina respubl.), Belgrano 865. (Monata) 3 Sm. — Brazila Esperantisto. Oficiala organo de Brazila Ligo Esperantista. Rio de Janeiro (Brazila respubl.) Praça 15. Novembre. 101 (Monata). 5 Svisaj Fkoj. — *La Progreso. Ĉeĥoslovaka organo Esperantista. Plžen (Ĉeĥoslovakujo) Poděbradova tř. 6. (Monata). 13 resp.-kupoj. — La Marto. Oficiala organo de la Ligo de Germanaj Esperanto-Societoj en Ĉeĥoslovakujo. Haida (Ĉeĥoslovakujo). (Monata.) 20 resp.-kupoj. — *Esperantista Laboristo. Socialista — Sindikalista — Komunista — Liberecana — Sennacieca. Paris (Francujo), 177, rue Bagnolet. (Monata.) Div. prezoj. — La Espero. Oficiala organo por Sveda Esperanto-Federacio (S E F.) kaj Norvega Esperantista Ligo (N.E.L.) Eld. Societo Esperanto, Stockholm I (Svedujo). (Monata). Sved. Koj 4.50. — *Esperanto. Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio (U.E.A.) (Monata) 10 Svisaj Fkoj. — Nova Tempo. Internacia revuo por kulturlaboro. Wien VI. (Aŭstrujo) Mollardg. 55. (Monata) 3 Sm. — *La Esperantisto. Organo de la Esperanta Universitato Popola. Dediĉita al la interna ideo de l'Esperantismo. Wien II (Aŭstrujo) Postamt 34. (Monata.) 1 Svisa Fko. — *Esperanto Triumfonta. Ĵurnalo internacia, universala, sendependa. Eld. T. Jung, Horrem-Köln (Germanujo). (Ĉiusemajna). Por 10 noj 15 resp.-kupoj. — *Verda Utopio. Internacia monata* revuo Esperanta ilustr. Osaka (Japanujo) 5265, Uehommaĉi 7-ĉome, Minami-ku. 33 resp. kupoj. — *Literaturo. 3 monata gazeto Esperanta, eld. de Brita Literatura kaj Debata Societo. Wembley (Britujo), „Rockwood", High Road. 16 resp.-kupoj. — *Belga Esperantisto. Monata revuo. Ofic. organo de la Belga Ligo Esperantista Uccle (Belgujo), 15, Avue Bel-Air. Po numero Fkoj 1.25. — Le Monde Espérantiste. Dumonata organo universala tute sendependa. Paris XIVe, rue Sophie-Germain, 3. 4 Fkoj.

---

* signalas, ke la enhavo estas nur Esperantlingva. — La abonprezoj estas jaraj.